FERNANDO PESSOA

# LA ANARKIISMA BANKIERO




Eldonejo Drako
2019



Fernando Pessoa promenanta en Baixa (urbocentro de Lisbono). Foto farita inter 1920 kaj 1935 de nekonato.

**Fernando Pessoa**

# LA ANARKIISMA BANKIERO

**“Rezona rakonto”**
**(aŭ, pli bone, dialoga eseo)**
**tradukita de Gonçalo Neves**
**el la portugala**

**Ilustrita kaj komentita.**
**Antaŭparolo de Manuela Parreira da Silva.**
**Postparolo de José Antonio Llardent.**
**Tradukologia epilogo de la tradukinto.**

**Eldonejo Drako**

**Espinho, Portugalio**
**novembro 2019**

La anarkiisma bankiero
Aŭtoro: Fernando Pessoa
Originala titolo: *O banqueiro anarquista* (1922)
Tradukita de: Gonçalo Neves
Unua eldono: novembro de 2019 (bitlibro)
Espinho, Portugalio

Verko en Esperanto (Lingvo Internacia)

eldonejo.drako@gmail.com
Bildo sur la kovrilo: La sola dumviva portreto pri Fernando Pessoa: oleopentraĵo de la hispana artisto Adolfo Rodríguez Castañé (1887–1963)[1], kiu naskiĝis en Madrido kaj fruaĝe ekloĝis en Lisbono, kie li mortis. La verko, farita en 1912, montras la tiam 24-jaran poeton kiel veran ĝentlemanon. Pessoa tute ne ŝatis pozi, eĉ antaŭ fotistoj, sed tiam li konsentis senmove sidi antaŭ la tolo, verŝajne nur tial, ke la pentristo estis lia amiko kaj kunpartoprenanto de la modernistaj babilrondoj de Baixa-Chiado (en la centro de Lisbono). Pentraĵo ekspoziciata en la ĉambro de la poeto, en © Casa Fernando Pessoa, Lisbono.
Bildo sur la dorskovrilo: *Homenaje a Fernando Pessoa* (“Omaĝo al Fernando Pessoa”), 1997, de la hispana pentristo Luis Badosa (1944–2015).[2] © ?

---

[1] La veran mortodaton de la pentristo elspuris kaj unuafoje publikigis la portugala arkitekto kaj komiksa esploristo Leonardo de Sá (n. 1960) en “Adolfo Rodríguez Castañé: a sua biografia verdadeira” (*BDjornal*, 2012, n-ro 29, p. 89–92). Aliaj fontoj (ekzemple, *Dicionário de Fernando Pessoa e do Modernismo Português*, ed. Fernando Cabral Martins, Lisboa, Editorial Caminho, 2008) donas eraran daton (1978).

[2] Dato, titolo kaj aŭtoreco laŭ https://cdeassis.wordpress.com/2009/06/13/ao-mestre-com-carinho/

**ENHAVTABELO**

**DANKESPRIMO**

*Mi kore (kaj alfabetorde)*

*dankas al*

***Antonio Valén**,*

*kiu provlegis la antaŭparolan kaj la postparolan tradukojn,*

*kaj al*

***Carlo Minnaja**,*

*kiu provlegis la rakontan tradukon*

*(komparante ĝin kun itala versio)*[3]

*kaj fine al*

***Paulo Sérgio Viana**,*

*kiu provlegis la rakontan tradukon*

*(komparante ĝin kun la originalo).*

*Ili ĉiuj faris sufiĉe grandan nombron da sagacaj modifproponoj, kiuj sendube kontribuis al la senerarigo kaj plibonigo de la manuskripto. Pri ĉiuj eventuale restantaj eraroj aŭ misinterpretoj evidente respondecas, kulpas kaj riproĉeblas nur la tradukinto.*

[3] vd. Pessoa 1988a.

# ANTAŬPAROLO[4]

**Manuela Parreira da Silva**[5]

Elportugaligis: Gonçalo Neves

"La skrupulo estas la morto de la ago"
Barono el Teive

"Ĉio, kio estas homa ĉe la homo kaj, pli ol ĉio, libero,
estas produkto de socia, kolektiva laboro."
Miĥail Bakunin

[4] La originalo de ĉi tiu teksto aperis, sub la titolo *Posfácio* ("Postparolo"), en Pessoa 2007a: 95–105. En la nuna eldono mi tamen metas ĝin kiel antaŭparolon, ĉar la postparola loko jam estas rezervita por pli ampleksa teksto de José Antonio Llardent (vd. p. 73–100). Mi esperantigis la tutan tekston de Parreira da Silva, escepte de du malgrandaj partoj (kiujn mi markis per [*...(La trad.)*]), ĉar ili koncernis specifajn detalojn de ŝia editoraĵo. Permeson por publikigo de ĉi tiu prefaca traduko liveris la eldonejo (Assírio & Alvim / Grupo Porto Editora) per retmesaĝo je 2019-10-25, responde al peto sendita de mi je 2019-10-07. (*La trad.*)

[5] Manuela Parreira da Silva (n. 1950): portugala verkistino, poeto, eseisto, tradukisto kaj profesor-adjunkto ĉe la Fako pri Portugalaj Studoj de la Fakultato de Sociaj kaj Homaj Sciencoj de Universidade Nova de Lisboa ("Lisbona Nova Universitato"). Eminenta fakulo pri Pessoa, ŝi de longe esploras lian postlasaĵon kaj editoris jam 17 volumojn de lia verkaro. (*La trad.*)

*La anarkiisma bankiero*, rakonto publikigita en la unua numero de la revuo *Contemporanea*, en 1922, ĝuis ĝis nun, eble surprize, konsiderindan nombron da eldonoj kaj reeldonoj dum la lastaj sepdek jaroj.

Ĉi tiuj sinsekvaj eldonoj aŭ represoj ĝenerale reproduktas, kun pli aŭ malpli da koboldoj, ĝisdatigante aŭ ne la "etimologian" ortografion de Fernando Pessoa, la tekston el 1922. La sola escepto kaj novaĵo estas la lasta eldono de Teresa Sobral da Cunha (Relógio d'Água, 1998), kiu enprenas ankaŭ novan version, rezultantan el muntado de la diversaj tekstoj ekzistantaj en la pesoa[6] postlasaĵo ĉe Portugala Nacia Biblioteko, per kiuj la poeto pripensis la eblon revizii, korekti kaj pliampleksigi sian rakonton.

Fakte, tiun intencon Fernando Pessoa mem plurfoje mencias. En letero al Adolfo Casais Monteiro, la 13an de januaro 1935,[7] li ja skribas:

---

[6] **pesoa**: rilata al la vivo kaj verkaro de Fernando Pessoa. Ĉi tiu adjektiva formo supozigas la ekziston de la esperantigita nomo *Peso/o*, kiun Santos (2018) senĝene uzas en la enkonduko de sia traduko de *Mesaĝo*. Tamen mi preferas — pro motivoj, kiujn mi ne povas prezenti en malvasta piednoto — uzi nur la derivitajn formojn (*pesoa*, *pesoaĵo*, *pesoisto* ks) kaj, kiam temas pri la nomo mem de la poeto, teni min je la neasimilita nacilingva formo. La adjektivo *pesoa* respondas al la portugala formo *pessoano*, ofte uzata de la aŭtorino. (*La trad.*)

[7] Originalo konsultebla ĉe http://arquivopessoa.net/textos/3007 (*La trad.*)

*“Mi nun kompletigas tute reverkatan version de* La anarkiisma bankiero*; baldaŭ ĝi eble pretos, kaj mi intencas, apenaŭ ĝi pretos, tuj publikigi ĝin. Se mi tion faros, mi tuj angligos la verkon kaj vidos, ĉu mi povos ĝin publikigi en Anglio. En ĝia probabla fina stato, ĝi havos eŭropajn ŝancojn. (La nunan frazon ne interpretu en la senco de imanenta Nobel-premio).”*

Post kelke da tagoj (la 20an de januaro)[8] li diras al la sama adresulo, aludante projektojn pri publikigo:

*“Ĝis la dato, kiun mi indikas kiel probablan por la aperigo de la pli granda libro, eble jam estos publikigitaj* La anarkiisma bankiero *(sub novaj formo kaj redakto)*, [...]*.”*

Kaj, pli sube:

*“Rilate al la publikigo de* La anarkiisma bankiero *en la angla, ankaŭ pri tio ne estos, laŭ mi, sed pro aliaj kialoj, aparta malfacilaĵo. Se en la verko estos la kapablo interesi la anglan*

---

[8] Originalo konsultebla ĉe http://arquivopessoa.net/textos/3014 (*La trad.*)

*merkaton, la literatura agento, al kiu mi ĝin sendos, pli aŭ malpli frue ĝin surmerkatigos.”*

Ĉi tiu projekto, koncernanta lian “dialektikan satiron” (kiel li ĝin nomas en alia letero, ĉi-foje adresita al la direktoro de *Contemporanea*, José Pacheco, en la sama jaro 1922),[9] poste ne konkretiĝis. Pessoa mortis, kiel sciate, en novembro de 1935, eĉ ne kompletiginte la reverkon, kiun li intencis fari, sed kiun, en januaro, li anoncis, eble iom “ŝajnige”, kiel preskaŭ realigitan.

Verdire, la tekstoj, kiujn li postlasis, estas nuraj skizoj — jen senformaj manskribaĵoj, jen tajpaĵoj kun diversaj aldonoj, jen disaj fragmentoj, sen rezona antaŭaĵo ilin koncernanta (kio supozigas, ke, aŭ perdiĝis aliaj tekstoj, eventuale verkitaj de Pessoa, aŭ li poste ne produktis ilin) — ĉiuj senaj je rigora indiko pri la loko, kien oni povus enmeti ilin, aŭ pri la tekstoj de la versio el 1922, kiun ili povus anstataŭi.

Eĉ la angligo fine prokrastiĝis. Kiom oni povas ekscii laŭ la konataj tekstoj, Fernando Pessoa tradukis nur iom pli ol unu paĝon kaj duonon de la komenco de sia “rezona rakonto”. Sed,

9 Ĉi tiun leteron, kiun mencias i.a. ankaŭ Ana Maria Freitas kaj Fernando Cabral Martins (vd. Pessoa 2016: 12) mi tamen ne trovis ĉe http://arquivopessoa.net/ *(La trad.)*

kurioze, li tion faris el la originalo publikigita en *Contemporanea*, kio pensigas, ke ĉi tiun tradukon li faris antaŭ ol la antaŭviditan reverkon, aŭ ke dume li forlasis sian intencon revizii kaj pliampleksigi la fontan tekston aŭ eĉ ke, almenaŭ koncerne ĝian komencan parton, li decidis ne ŝanĝi ĝin. (Kio, cetere, estas ordinara sinteno ĉe Fernando Pessoa, plene konfirmita, ekzemple, per la kritika eldono de *Poemas Ingleses* ["Anglaj poemoj"], fare de João Dionísio: proponi varianton aŭ novan version kaj poste ĝin forĵeti kaj elekti la unuan redakton de la teksto).

Pro ĉio tia, kaj kvankam iuj el ĉiuj ĉi skizoj, precipe la plej longaj, tajpitaj, prezentas signifan riĉigon de la pli simpla teksto publikigita en *Contemporanea*, ŝajnas al mi konsilinde, ne provi fari el ili muntaĵon, nome novan version nur virtualan, kvankam aŭtentan. [*...(La trad.)*].

Aliflanke, ĉi tiuj tekstoj [*...(La trad.)*] restas kiel invito al la legantoj, por ke ĉiu povu konstrui sian — ĉiam eblan, malgraŭ la risko perfidi la volon de la aŭtoro — version de la revizio de la teksto publikigita en 1922, kiun, kiel Pessoa mem amare konfesas al José Pacheco (en la antaŭe menciita letero), *"neniu legis"*.

Ne estos malfacile allasi, kiel (kaj kun) Pessoa, ke lia "dialektika satiro" estis nerimarkata de la neekzistanta klerularo

portugala. Tio, ke ĝi publikiĝis en revuo, certe ne helpis altiri al ĝi apartan atenton, kvankam la noveco de la unua numero de *Contemporanea* povus unuavide favori ĝin.

Tamen la postmorta fortuno, kiun la teksto ĝuas, supozigas, ke, almenaŭ el eldona vidpunkto, ĝia legado vaste sin trudas. Tio, ke temas pri unu el la malmultaj pesoaj ortonimaj[10] verkoj, kiuj publikiĝis dum la vivo de la aŭtoro (kvankam en revuo), eble pravigas, iugrade, tian intereson de la eldonistoj.

Pessoa cetere agnoskas la malabundon de sia publikigita verkaro kaj tiel alte taksas la signifon de *La anarkiisma bankiero*, ke li ĉiam enprenas ĉi tiun titolon en la longajn listojn, kiujn tra la jaroj li skizadis pri la verkoj (re)publikigotaj en Portugalio kaj Anglio, kaj kies reverkon li tial decidis komenci.

La invito al la legado de ĉi tiu "satiro" plu validas nun, same kiel tiam.

Unue, *La anarkiisma bankiero* sin trudas kiel verko nemalhavebla por koni la pesoajn literaturan praktikon kaj mondvidon. Unuflanke, ĝi evidentigas la uzon (propran de

[10] **ortonimo**: **1.** La reala nomo de verkisto aŭ artisto, kiu uzas pseŭdonimo(j)n aŭ heteronimo(j)n. **2.** Persono, uzanta tian nomon, kontraste kun sia(j) heteronimo(j). **heteronimo**: **1.** Persono kreita de verkisto aŭ artisto kaj havanta proprajn kvalitojn kaj tendencojn, al kiu la kreinto atribuas la aŭtorecon de unu aŭ pluraj el siaj verkoj. **2.** La nomo de tiu persono (vd. pliajn detalojn en la fina glosaro). (*La trad.*)

verkisto, kiu sin mem difinas kiel "detaleman kaj analizeman rezonulon") de senkompata logiko, kvankam ofte bazita sur sofismoj aŭ apenaŭ ortodoksaj argumentoj (tia estas la ekzemplo de homo, kiu la fikcion de mono kontraŭbatalas riĉiĝante, je la nomo de doktrino proklamanta la neceson detrui la abismon inter riĉaj kaj malriĉaj...) kaj de senkompata ironio (anarkiisto kiu fariĝas bankiero, kaj bankiero, kiu sin konfesas anarkiisto...). Kaj, aliflanke, la verko aperas kiel produkto, kiu, kvankam ŝajne eksdata, tamen sukcesas paradokse transiri la templimojn kaj impresi rimarkinde aktuale.

Verkite en plena postmilita periodo, en politike malstabilega Portugalio, kiam plurnivele sentiĝis la tre proksimaj eĥoj de la Rusa Revolucio el 1917 (Pessoa, cetere, aŭgure aludas ĝian sekvon: *"Io, kio prokrastos dum jardekoj la efektiviĝon de la libera socio..."* — p. 37) kaj ĝia ideologia influo,[11] *La anarkiisma bankiero* ĉerpas ĉe tiuj ventoj sian inspiron.

[11] En 1921, oni memoru, fondiĝis la Portugala Komunisma Partio, kaj pliakriĝis, dum la lastaj jaroj, la konflikto inter bolŝevistoj kaj liberecanoj. La anarkiisma movado dume akiris konsiderindan influon ĉe la sindikatoj kaj la laboristaj klasoj. La forton aŭ kontraŭforton de la movado povas montri ĝuste la cirkulado, jam de 1919, de *A Batalha* ["La Batalo"], ĉiutaga gazeto de anarkiisma inklino, kaj la multaj verkoj de Kropotkin, kiuj tiam tradukiĝas en Portugalio.

Indikojn por legado povas liveri ankaŭ la pesoa biografio mem, ĉar la poeto sentas, dum la lastaj jaroj, ĉiam pli preman bezonon plibonigi sian financan situacion, aŭ la kapricon fariĝi eĉ sukcesa entreprenisto.

En 1917–1918 Pessoa fondas, kun siaj amikoj Geraldo Coelho de Jesus kaj Augusto Ferreira Gomes, firmaon pri komisioj kaj konsignoj kaj, en 1921 li entreprenas, per alia firmao, kiun li proprietas — eldonejo Olisipo, ankaŭ servagentejo — diversajn kontaktojn kun anglaj kompanioj, kiel peranto en la aĉeto kaj vendo de minejoj en Portugalio. Per ĉi tiu negoco, se ĝi konkretiĝus, li eventuale sukcesus akiri sian financan sendependon: li liberiĝus de la fikcio de mono...

Tamen la absoluta fiasko de la entrepreno eble servis por konfirmi tion, kion Pessoa certe sciis jam de longe — ke tian liberiĝon povus aspiri nur bankiero, akapara komercisto tute senskrupula kaj forlasinta la bonajn intencojn.[12]

Kurioze, ĝuste ĉi-punkte kuŝas la malforteco de la politika propono de la rakonto: memdire anarkiisma propono, plene kontraŭdiranta la principojn de anarkiismo, eĉ de iu anarkiisma

[12] Oni povus diri, ke Fernando Pessoa anoncis, per sia anarkiisma bankiero, kun kvarjara distanco, la figuron de la fama Alves dos Reis, aŭtodidakta falsisto, kies bankon Angola e Metrópole [Angolo kaj Metropolo"] la poeto mem eĉ kontaktis en 1925, por proponi negocon...

individuismo, kiu ŝajne povus esti, en certa momento, la ideologio defendata de la bankiera rolulo; apologio pri egoismo kaj pri senbrida, senkompata konkurenco, de ekstreme liberala inklino; mitigo de mono, konsiderata kiel devige serĉata objekto de posedo, kaj ne transformata, kiel defendus "vera" liberecano, en simplan rimedon de interŝanĝo; manko de projekto pri nova socio aŭ pri nova socia modelo, nepre solidara kaj kontraŭkapitalisma.

Oni ne dubu, ke Fernando Pessoa tiujn kontraŭdirojn rimarkas kaj ilin uzas por krei la deziratan efekton. En la pesoa libraro troviĝas, ekzemple, inter multaj aliaj, tri verkoj de Gustave Le Bon, same kiel *The Man versus the State* ["La homo kontraŭ la ŝtato"] de Herbert Spencer, *As doutrinas anarquistas* ["La anarkiismaj doktrinoj"], de Paul Eltzbacher (tradukita de la anarkiisto Manuel Ribeiro) aŭ la verko de alia renoma anarkiista intelektulo liatempa, Emílio Costa, *Vida portuguesa: ilusões políticas* ["Portugala vivo: politikaj iluzioj"], kio montras lian konon kaj intereson pri la pensado kaj meditado sur la kampo de la politika sociologio koncernanta la socialismajn, individuismajn kaj anarkiismajn tendencojn. La plej granda ironio, cetere, kuŝas en tiuj paradoksoj, tiel ŝatataj de la aŭtoro,

kiu, oni memoru, skribigis al sia tre proksima Bernardo Soares[13] jenajn du reciproke kontraŭdirajn maksimojn:

*“Mono belas, ĉar ĝi estas liberiĝo.”*

*Vi liberas, se vi povas apartiĝi de la homoj, sen ke la monbezono devigas vin serĉi ilin* [...]*”.*

Ankaŭ ĉi-punkte lia “dialektika satiro” montriĝas surprize moderna: konsidere la raporton, kiun la protagonisto faras pri sia lukto por konkeri monon kaj la pravigojn, kiujn li prezentas pri la rompoj kaj perfidoj kontraŭ la ideologio, oni povus diri, ke la rakonto temas pri iu Bill Gates ĉi-momenta. Falas en la okulojn la pesoa antaŭvido pri mondo pli kaj pli regata de la tiraneco de mono, de ideologia malpleniĝo kaj de sekva malapero de la principoj, sufokataj kaj renversataj de la interesoj, do pri mondo,

[13] En letero (1932-07-28) al sia posta biografo João Gaspar Simões (1903–1987), Pessoa (1982: 118) diras pri Bernardo Soares, la “aŭtoro” de *Livro do desassossego* (nun unu el la plej famaj verkoj de Pessoa), ke li *“estas ne heteronimo sed literatura personeco”*. Gaspar Simões mem lin taksis *“literatura nomo”* (vd. Pessoa 1982: 140) sed ankaŭ “duonheteronimo” (vd. Pessoa 1982: 136), kaj ĝuste per ĉi lasta “etikedo” la postaj kritikistoj kaj fakuloj (ekzemple, Quadros 1990: 53) ordinare klasifikas tiun fascinan figuron. (*La trad.*)

kie moraleco, lojalo, frateco estas vanaj vortoj kaj kie la celoj makiavele pravigas ĉiajn rimedojn.

La tiel aktualan kaj pli kaj pli proklamatan venkon de la afero ekonomia super la politika ironie perspektivas la titolo mem — la protagonisto estas unue prezentita kiel bankiero, kaj nur poste li estas klasifikita kiel anarkiisma — speco de ombro, kiu lin akompanas, aŭ de makulo, kies ekziston, dum la rakonto, li penas klarigi.

La bankiero, digna reprezentanto de la jarcentfina *homo œconomicus*[14], uzas sian energion por trovi argumentojn, kiuj tamen kontraŭdiras la romantikan ideologion, kies sekvanto li memdire estas. La politika afero tiel montriĝas kiel nura fikcio, al kiu tamen supermetiĝas, kiel Pessoa konstatis jam en 1922, la reala fikcio de ekonomio.[15] Ĝuste de ĝi la bankiero, kiel bankiero, kaj do, samtempe, kiel plia malnova tirano kaj kiel plia malnova sklavo de sia propra potenco, ne kapablos liberiĝi.

---

[14] *homo œconomicus* (latinaĵo): ekonomia homo. (*La trad.*)

[15] Estas interese konstati, ke, en la sama jaro 1922, Pessoa klopodas proponi, jen per tekstoj (kiel ekzemple iu, kiun li titolis *Bases para dois projectos de concentração industrial* [“Bazoj por du projektoj pri industria koncentrado”]), jen per demarŝoj ĉe portugalaj entreprenistoj (mi menciu la leterojn, kiujn li interŝanĝis kun la administranto de Companhia Industrial de Portugal e Colónias [“Industria Kompanio de Portugalio kaj ĝiaj Kolonioj”]): iniciatoj de liberala aŭ kapitalisma karaktero, celantaj la industrian disvolviĝon de la lando.

Oni povas diri, ke, kun siaj malfortaĵoj, *La anarkiisma bankiero* fakte prezentas amaran kaj ironian bildon pri la socio lia- kaj nia-tempa — al kiu la alternativaj kaj komplementaj tekstoj eventuale aldonus ian solidecon, sen tio, ke ili igus ĝin pli aktuala —, kiu do meritas esti legata de "ĉiaj homoj" kaj, ankoraŭ plian fojon, reeldonita.



# O BANQUEIRO ANARCHISTA

POR

FERNANDO PESSOA

CABRAL COUTINHO

TINHAMOS acabado de jantar. Defronte de mim o meu amigo, o banqueiro, grande commerciante e açambarcador notavel, fumava como quem não pensa. A conversa, que fôra amortecendo, jazia morta entre nós. Procurei reanimal-a, ao acaso, servindo-me de uma idéa que me passou pela meditação. Voltei-me para elle, sorrindo.

— E' verdade: disseram-me ha dias que v. em tempos foi anarchista...

— Fui, não: fui e sou. Não mudei a esse respeito. *Sou* anarchista.

— Essa é boa! V. anarchista! Em que é que v. é anarchista?... Só se V. dá á palavra qualquer sentido differente...

— Do vulgar? Não; não dou. Emprégo a palavra no sentido vulgar.

— Quer V. dizer, então, que é anarchista exactamente no mesmo sentido em que são anarchistas esses typos das organizações operarias? Então entre V. e esses typos da bomba e dos syndicatos não ha differença nenhuma?

— Differença, differença, ha... Evidentemente que ha differença. Mas não é a que V. julga. V. duvida talvez que as minhas theorias sociaes sejam eguaes ás d'elles?...

— Ah, já percebo! V., quanto ás theorias, é anarchista; quanto á práctica...

— Quanto á práctica sou tão anarchista como quanto ás theorias. E quanto á práctica sou mais, sou muito mais, anarchista que esses typos que V. citou. Toda a minha vida o mostra.

— Hein?!

— Toda a minha vida o mostra, filho. V. é que nunca deu a estas cousas uma attenção lucida. Por isso lhe parece que estou dizendo uma asneira, ou então que estou brincando comsigo.

— O' homem, eu não percebo nada!... A não ser..., a não ser que V. julgue a sua vida dissolvente e anti-social e dê esse sentido ao anarchismo...

— Já lhe disse que não — isto é, já lhe disse que não dou á palavra anarchismo um sentido differente do vulgar.

— Está bem... Continúo sem perceber... O' homem, V. quer-me dizer que não ha differença entre as suas theorias verdadeiramente anarchistas e a práctica da sua vida — a práctica da sua vida como ella é agora? V. quer que eu acredite que V. tem uma vida exactamente egual á dos typos que vulgarmente são anarchistas?

— Não; não é isso. O que eu quero dizer é que entre as minhas theorias e a práctica da minha vida não ha divergencia nenhuma, mas uma conformidade absoluta. Lá que não

5

Unua eldono de "O banqueiro anarchista" (laŭ la tiama ortografio) en la revuo *Contemporanea*, maje de 1922.
(fonto de la bildo: Bragues 2014: 7)




Pluraj eldonoj de *La anarkiisma bankiero* en la portugala.




Pluraj tradukoj kaj eldonoj de *La anarkiisma bankiero* en la hispana.




Tradukoj de *La anarkiisma bankiero* en la finna, germana, greka, hebrea, itala, japana, kataluna, nederlanda kaj turka.













Filmoj kaj teatraĵoj pri *La anarkiisma bankiero* en la germana, greka, hispana kaj itala.

# LA ANARKIISMA BANKIERO

Ni ĵus finis vespermanĝi.[16] Antaŭ mi, mia amiko, la bankiero, granda komercisto kaj elstara akaparisto, fumis kiel nepensanto. La konversacio, post laŭgrada malvigliĝo, kuŝis senviva inter ni.[17] Mi provis revivigi ĝin, hazarde, uzante ideon,[18] kiu trafis en mian mediton. Mi turnis min al li, ridetante.

— Parenteze: oni diris al mi, antaŭ kelke da tagoj, ke vi iam estis anarkiisto...

— Ne iam: iam kaj nun. Mi ne ŝanĝiĝis ĉi-koncerne. Mi *estas* anarkiisto.

— Kiu povus kredi tion! Vi, anarkiisto! Laŭ kio vi estas

[16] La vespermanĝo, en la imago de Pessoa, okazis en restoracio. Tion la aŭtoro ne diras eksplicite en la publikigita versio, sed en lia postlasaĵo oni poste trovis jenajn tri fragmentojn, destinitajn al eventuala revizio kaj kompletigo de la rakonto: **1)** *"Ĉirkaŭ ni la restoracio silentiĝis, jam preskaŭ dezerta"* (Pessoa 2007a: 72). **2)** *"Kaj, per gesto ankoraŭ triumfa, li petis la kalkulon"* (samverke, p.74). **3)** *"Li iom interrompis tion, kio jam fariĝis parolado. Li iom lacis. Li montris per fingro sian pokalon, rigardante al la kelnero. Tiu ĝin plenigis per konjako. Per la kapo mi rifuzis, ke tiu plenigu la mian. La bankiero fortrinkis unuglute"*. (samverke, sampaĝe). La du unuaj fragmentoj estas manskribitaj, kaj la tria — mikse manskribita kaj tajpita).

[17] En manskribita postlasita fragmento oni poste trovis jenan varianton: *"La konversacio, post laŭgrada malvarmiĝo, kuŝis inerta inter ni"* (Pessoa 2007a: 72).

[18] En manskribita postlasita fragmento oni poste trovis la varianton *"rememoron"* anstataŭ *"ideon"* (Pessoa 2007a: 72).

anarkiisto?... Krom se vi donas al la vorto ian sencon diferencan...

— De la ordinara? Ne; mi ne donas. La vorton mi uzas en la ordinara senco.

— Ĉu vi do volas diri, ke vi estas anarkiisto ĝuste samsence, kiel estas anarkiistoj tiuj uloj de la laboristaj organizaĵoj? Ĉu do inter vi kaj tiuj uloj de la bombo kaj de la sindikatoj estas nenia diferenco?

— Propre dirite, estas ja diferenco... Evidente estas diferenco. Sed ne tia, kian vi supozas. Ĉu vi eble dubas pri tio, ke miaj sociaj teorioj estas egalaj al iliaj?...

— Ha, nun mi komprenas! Vi, koncerne la teoriojn, estas anarkiisto; koncerne la praktikon...

— Koncerne la praktikon mi estas tiel anarkiisma, kiel koncerne la teoriojn. Kaj koncerne la praktikon, mi estas pli, mi estas ege pli anarkiisma ol tiuj uloj, kiujn vi menciis. Tion montras mia tuta vivo.

— Kio?!

— Tion montras mia tuta vivo, kara. Vi tamen neniam donis al ĉi tiaj aferoj lucidan atenton. Tial ŝajnas al vi, ke mi diras azenaĵon, aŭ ke mi mistifikas vin.

— Homo, mi komprenas nenion!... Krom se..., krom se vi opinias vian vivon subfosa kaj kontraŭsocia kaj donas tian

sencon al anarkiismo...

— Mi jam diris al vi, ke ne — tio estas, mi jam diris al vi, ke mi ne donas al la vorto anarkiismo sencon diferencan de la ordinara.

— En ordo... Mi restas senkomprena... Homo, ĉu vi volas diri al mi, ke estas nenia diferenco inter viaj vere anarkiismaj teorioj kaj la praktiko de via vivo — tia praktiko de via vivo, kia ĝi estas nun? Ĉu vi volas, ke mi kredu, ke vi havas vivon ekzakte egalan al tiu de la uloj, kiuj ordinare estas anarkiistoj?

— Ne; temas ne pri tio. Mi ja volas diri, ke inter miaj teorioj kaj la praktiko de mia vivo estas nenia diverĝo, sed absoluta konformeco. Ke mi ne havas vivon kiel la uloj de la sindikatoj kaj de la bomboj — tio veras. Sed estas ilia vivo, kiu troviĝas ekster anarkiismo, ekster iliaj idealoj. Ne la mia. Ĉe mi — jes, ĉe mi, bankiero, granda komercisto, akaparisto, se vi volas — ĉe mi la teorio kaj praktiko de anarkiismo staras kune kaj ambaŭ ĝustas.[19] Vi komparis min kun tiuj stultuloj de la sindikatoj kaj de la bomboj, por indiki, ke mi estas diferenca de ili. Mi ja estas, sed jen la diferenco: ili (jes, ili, sed ne mi) estas anarkiismaj nur teorie; mi estas tia kaj teorie kaj praktike. Ili

[19] En manskribita postlasita fragmento, la aŭtoro jene vortumas la disduiĝon de la rakontanto: *“Mi estas bankiero kaj elstara komercisto ne kvankam mi estas anarkiisto, sed ĉar mi estas anarkiisto”* (Pessoa 2007a: 75).

estas anarkiismaj kaj stultaj, mi, anarkiisma kaj inteligenta. Tio signifas, kara amiko, ke mi ja estas la vera anarkiisto. Ili — tiuj de la sindikatoj kaj de la bomboj (ankaŭ mi estis tie, kaj mi eliĝis de tie ĝuste pro mia vera anarkiismo) — ili estas la fatraso de anarkiismo, la virfemaloj[20] de la granda liberecana doktrino.

— Tio eĉ al la diablo ne venus en la kapon! Tio estas miriga! Sed kiel vi akordigas vian vivon — mi celas vian vivon bankan kaj komercan — kun la anarkiismaj teorioj? Kiel vi akordigas tion, se vi diras, ke sub anarkiismaj teorioj vi komprenas ekzakte tion, kion la ordinaraj anarkiistoj komprenas? Kaj vi, aldone, diras al mi, ke vi diferencas de ili, ĉar vi estas *pli* anarkiisma ol ili — ĉu ne vere?

— Ekzakte.

— Mi komprenas nenion.

— Sed ĉu vi deziras kompreni?

— Mi deziregas.

Li elbuŝigis la cigaron, kiu jam ĉesis bruli, ĝin refajrigis malrapide, fikse rigardis la alumeton, dum ĝi estingiĝis, milde metis ĝin en la cindrujon kaj poste, levante sian kapon, momente klinitan, li diris:

---

[20] **la virfemaloj**: *os fêmeas* en la originalo. Klarigon pri la portugala esprimo kaj pri la malfacileco esperantigi ĝin, kaj ankaŭ komparon kun pluraj alilingvaj tradukoj, oni trovos en la Tradukologia Epilogo (p. 101–108).

— Aŭskultu. Mi naskiĝis ĉe la popolo kaj en la laborista klaso de la urbo.[21] Bonis, kiel vi povas imagi, nek la situacio nek la cirkonstancoj, kiujn mi heredis.[22] Okazis nur, ke mi havis nature lucidan intelekton kaj iom fortan volon. Sed tiuj estis naturaj kapabloj, kiujn mia modesta naskiĝo ne povis forpreni de mi.

"Mi estis laboristo,[23] deĵoris, vivis malfacilan vivon; mi

---

[21] En postlasita fragmento, mikse manskribita kaj tajpita, sidas jena varianto: *"Mi naskiĝis ĉe malriĉuloj el la laborista klaso"* (Pessoa 2007a: 77).

[22] En postlasitaj fragmentoj, mikse manskribitaj kaj tajpitaj, la aŭtoro iom detale priskribas la situacion kaj cirkonstancojn, kiujn la estonta bankiero heredis: *"Kiam mi diras 'malriĉuloj', mi volas diri, ke temas pri homoj fakte malriĉaj — pri familio, kies enspezo ne sufiĉas por vivteno, kaj des malpli por la cetero ankaŭ necesa, aŭ eventuale necesa, kiel ekzemple kuraciloj"* (Pessoa 2007a: 77–78). Kaj plue: *"Se enkalkuli la patron, la patrinon, la gefilojn kaj la edzinon kaj filon de unu el ili, ni estis dek unu hejme. Nur kvin el ni laboris — mia patro, mi kaj du fratoj de mi, ĉar la ceteraj estis tro junaj, kaj mia bofratino, kiu estis kudristino. Ĉar nur kvar laboris, kaj neniu enspezis pli ol sufiĉe por vivteni kaj dece vesti nur sin mem, vi povas imagi, kiel oni vivis, manĝis kaj sin vestis en tiu hejmo"* (samverke, p 78).

[23] En postlasita fragmento, mikse manskribita kaj tajpita, la aŭtoro precizigas la tiaman laboristecon de la estonta bankiero: *"Mi estis tipografo. Nu, mi sciis, ke iu ajn el la barbiraj submajstroj de la establo apud la presejo lukris pli ol mi, almenaŭ tiam, sen enkalkulo de trinkmono. Mi ne komprenis, en aŭ ekster la burĝa sistemo, per kio la laboro de tipografo havas pli malgrandan valoron, socian aŭ homan, ol la laboro de barbiro. Mi ne komprenis, kial, laŭ bona justeco, mi, kiel tipografo, devus lukri pli, ĉar mi lukris, ol hoja fosisto. Mi bone scias, ke ekonomie tio estas facile klarigebla; sed min ribeligis ĝuste*

estis, resume, tio, kio la plej multaj homoj estas en tia medio. Mi ne diras, ke mi absolute suferis malsaton, sed mi apudis al ĝi. Cetere, se mi ĝin suferintus, nenia ŝanĝo venus al tio, kio poste okazis, nek al tio, kion mi rakontos al vi, nek al mia vivo tiama aŭ nuna.

"Mi estis ordinara laboristo, resume; kiel ĉiuj, mi laboris, ĉar mi devis labori, kaj mi laboris kiel eble plej malmulte. Tamen mi estis inteligenta. Kiam ajn mi povis, mi legis aferojn, diskutis aferojn, kaj, ĉar mi ne stultis,[24] mi eksentis grandan malkontenton kaj grandan ribelon kontraŭ mia sorto kaj kontraŭ la sociaj kondiĉoj, kiuj igis ĝin tia. Mi jam diris al vi, ke, se konfesi la veron, mia destino povintus esti pli malbona ol ĝi estis; sed tiutempe ŝajnis al mi, ke mi estas ento, al kiu la Sorto

*tiu 'ekonomie'. Ekonomio, kiu havis tiajn rezultojn, estis, laŭ mi, kaj ankoraŭ estas, maljustaĵo kaj tiranaĵo"* (Pessoa 2007a: 79). NOTO: **hoja fosisto**: laŭvorta traduko de *cavador de enxada*, ŝerca esprimo anstataŭ *lavrador* ("terkulturisto"). La vorton *hojo* mi uzas en la senco registrita en NPIV: *"Speco de duonpioĉo, konsistanta el ligna tenilo kun perpendikla plata aŭ kurba klingo k uzata por malkompaktigi la grundon aŭ sarki trudherbojn"* (preskaŭ sama difino en la malnova PIV, sed kun *perpendikulara* anstataŭ *perpendikla* kaj *herbaĉoj* anstataŭ *trudherboj*. Tamen en ambaŭ devus teksti *elsarki* anstataŭ *sarki*...). Temas pri teknika termino, bedaŭrinde malofta, sed certe uzinda, kaj ĉi-sence preferinda al la ĉioampleksa *fosilo* aŭ al obskuraj kunmetaĵoj, kiuj varias de aŭtoro al aŭtoro...

[24] En postlasita fragmento, mikse manskribita kaj tajpita, sidas jena kurioza varianto, pli kompleta: *"Mi neniam stultis, dank' al Di... — dank' al mi-ne-scias-kio"* (Pessoa 2007a: 79).

faris ĉiajn maljustaĵojn kune prenitajn, kaj ke ĝi uzis la sociajn konvenciojn, por fari ilin al mi. Tio okazis, kiam mi aĝis ĉirkaŭ dudek jarojn — dudek unu maksimume — kaj ĝuste tiam mi fariĝis anarkiisto.

Li haltis momenton. Li iom pli sin turnis al mi. Li daŭrigis, kliniĝinte iom pli.

— Mi ĉiam pli malpli lucidis. Mi eksentis en mi ribelon. Mi volis kompreni mian ribelon. Mi fariĝis konscia kaj konvinkoplena anarkiisto — tia konscia kaj konvinkoplena anarkiisto, kia mi estas nun.

— Kaj ĉu la teorio, kiun vi havas nun, estas la sama, kiun vi havis tiam?

— La sama. La anarkiisma teorio, la vera teorio, estas nur unu. Mi havas tian, kian mi ĉiam havis, de kiam mi fariĝis anarkiisto. Vi tuj vidos... Mi estis diranta, ke, ĉar mi nature lucidis, tial mi fariĝis konscia anarkiisto. Nu, kio estas anarkiisto? Li estas homo ribelanta kontraŭ la maljustaĵo, ke ni naskiĝas *socie* neegalaj — esence temas nur pri tio. Kaj de tie venas, kiel oni povas vidi, la ribelo kontraŭ la sociaj konvencioj, kiuj tian maljustaĵon ebligas. Nun mi indikas al vi la psikologian vojon, tio estas, kiel oni iĝas anarkiisto; ni tuj transiros al la teoria parto de la afero. Por la nuna momento, bone komprenu, kia estus la ribelo de inteligentulo en miaj cirkonstancoj. Kion li

vidas tra la mondo? Unu naskiĝas filo de milionulo, protektate ekde la lulilo kontraŭ tiaj misfortunoj — kaj ili ne malmultas — kiajn mono povas evitigi aŭ mildigi; alia naskiĝas mizerulo, por esti, kiel infano, aldona buŝo en familio, kie buŝoj jam troas, por manĝi ion ajn haveblan. Unu naskiĝas grafo aŭ markizo, kaj tial, kion ajn li faras, lin estimas ĉiuj; la alia naskiĝas same kiel mi kaj devas teni sin rekte kiel kandelo, por ke oni almenaŭ traktu lin kiel homon. Unuj naskiĝas en tiaj kondiĉoj, ke ili povas studi, vojaĝi, kleriĝi — iĝi (se tiel diri) pli inteligentaj ol aliaj, kiuj nature pli inteligentas. Kaj tiel plu, kaj pri ĉio...

“La maljustaĵojn de la Naturo, nu, oni ne povas eviti . Tamen kial ne eviti tiujn de la socio kaj de ĝiaj konvencioj? Mi akceptas — nenion alian mi povas fari —, ke iu homo superas min per tio, kion la Naturo donis al li — talento, forto, energio; mi ne akceptas, ke li superas min per postiĉaj kvalitoj, kiujn li ne havis, kiam li eliĝis el la patrina ventro, sed kiuj venis al li pro kareso de la sorto, tuj kiam li aperis ekstere — riĉaĵoj, socia rango, faciligita vivo, ktp. Ĝuste de la ribelo, kiun mi bildigas al vi per tiuj ĉi konsideroj, naskiĝis mia anarkiismo tiama — la anarkiismo, kiun, kiel mi jam diris al vi, mi tute senŝanĝe tenas nun.

Li refoje haltis momenton, kvazaŭ li pensus, kiel li daŭrigu. Li ekfumis kaj malrapide elspiris la fumon al la flanko

kontraŭa al mi. Li turnis sin kaj estis daŭrigonta. Mi tamen interrompis lin.

— Jen demando, pro scivolemo... Kial vi fariĝis propre anarkiisto? Vi povintus fariĝi socialisto,[25] aŭ iu ajn alia progresaĵo ne tiel ekstrema. Ĉio tia estus konforma al via ribelo... El via diraĵo mi deduktas, ke sub anarkiismo vi

[25] En tri postlasitaj fragmentoj, la aŭtoro detale prezentas sian vidpunkton pri socialismo kaj komunismo: **1)** *"Socialismo kaj komunismo baziĝas sur la ideo pri egaleco kaj malestimas tiun pri libero. Ili estas tiranecoj pli malbonaj ol la burĝa sistemo, kiu, baziĝante sur individuismo, almenaŭ baziĝas sur io, kio entenas ĝermon de libero. Socialismo kaj komunismo igas la ŝtaton ĉiopova kaj la homojn egalaj sub tia monstra Absoluta Reĝo, kiu eĉ ne havas korpon, kiun oni povus mortigi. Per socialismo kaj komunismo la burĝo perdas kaj la laboristo ne gajnas. La burĝo fariĝas sklavo, kio li ne estis; la laboristo, egaliĝante al la burĝo, restas, sub alia mastro, tia slavo, kia li estis. En la burĝa sistemo, iu laboristo povis ja, pro laboro, aŭ fortuno, aŭ alia kialo, poiome promociiĝi, ĝis li atingis ian gradon de libero — tian liberon, kian mono povas doni. En la socialisma aŭ komunisma reĝimo, ne estas espero. Ĝi estas la perfekta realigo de la infero sur la tero, kaj en la Infero, laŭŝajne, ĉiuj egalas"* (Pessoa 2007a: 82). **2)** *"Socialismo kaj komunismo celas ne promocii la laboriston sed degradi la burĝon. La situacio de la laboristo ne ŝanĝiĝas, aŭ eĉ malpliboniĝas, kiel mi jam diris la vi. Kion la burĝo perdas, tion la laboristo ne gajnas"* (samverke, p. 83). **3)** *"Estas intelektuloj, profesoroj, jam progresintaj studentoj, kaj aliaj tiaj homoj, kiuj estas socialistoj kaj komunistoj... Kaj tiuj, ĝenerale, nek havas 'malaltrangan devenon', nek suferis malsaton, nek...*
*— Nu, ĉesu pri tio, homo, ĉesu pri tio. Ĉu vi supozas, ke mi — mi, kiu scias, kiel formiĝas, kiel reale kaj vere formiĝas ribelulo —, ke mi kredas la sincerecon de tiaj merduloj?"* [originale: *desses merdas*] (samverke, p. 89). La du unuaj fragmentoj estas tajpitaj, kaj la tria — mikse manskribita kaj tajpita.

komprenas (kaj miaopinie temas pri bona difino de anarkiismo) la ribelon kontraŭ ĉiaj konvencioj kaj sociaj formuloj kaj la deziron kaj klopodon por la abolicio de ĉiaj...

— Tiel estas.

— Kial vi elektis tian ekstreman formulon kaj ne decidiĝis al iu ajn el la aliaj... el la mezaj?...

— Mi tion diros al vi. Mi meditis pri ĉio tia. Kompreneble, en la flugfolioj, kiujn mi legis, mi vidis ĉiujn tiajn teoriojn. Mi elektis la anarkiisman teorion — la ekstreman teorion, kiel vi tute prave diras — pro la kialoj, kiujn mi diros al vi per du vortoj.

Li momente fiksis rigardon sur io nenie trovebla. Poste li turnis sin al mi.

— La vera malbono, la sola malbono, estas la konvencioj kaj la sociaj fikcioj, kiuj supermetiĝas al la naturaj realaĵoj — ĉio, de la familio ĝis mono, de religio ĝis la ŝtato. Oni naskiĝas viro aŭ virino — tio estas, oni naskiĝas por esti, kiel plenkreskulo, viro aŭ virino; oni ne naskiĝas, laŭ bona natura justeco, por esti edzo, nek por esti riĉa aŭ malriĉa, same kiel oni ne naskiĝas por esti katolika aŭ protestanta, aŭ portugala aŭ angla. Oni estas ĉio tia sekve de la sociaj fikcioj. Kaj kial la sociaj fikcioj malbonas? *Ĉar ili estas fikcioj, ĉar ili ne estas naturaj*. Tiel malbonas mono kiel la ŝtato, tiel la starigo de

familio kiel la religioj. Se ekzistus aliaj ol tiuj ĉi, ili egale malbonus, *ĉar ankaŭ ili estus fikcioj*, ĉar ankaŭ ili supermetiĝus al la naturaj realaĵoj kaj ilin malhelpus. Nu, ankaŭ iu ajn alia sistemo ol la pura anarkiisma sistemo, kiu volas la plenan abolicion de ĉiaj fikcioj kaj de ĉiu el ili, *estas fikcio*. Apliki nian tutan deziron, nian tutan klopodon, nian tutan inteligenton, por starigi, aŭ kunstarigi, iun socian fikcion, anstataŭ alian, estas absurdaĵo, aŭ eĉ krimo, *ĉar tio signifas fari socian perturbon kun la eksplicita celo lasi ĉion senŝanĝa*. Se la sociajn fikciojn ni trovas maljustaj, ĉar ili pistas kaj subpremas tion, kio estas natura ĉe la homo, por kio ni klopodu substitui aliajn fikciojn al ili, se ni povas ĝin apliki, por detrui ilin ĉiujn?[26]

"Ŝajnas al mi, ke tio estas konvinka. Tamen ni supozu, ke ĝi ne estas tia; ni supozu, ke oni obĵetas al ni, ke ĉio tia tre ĝustas, sed ke la anarkiisma sistemo ne realigeblas praktike. Ni do ekzamenu tiun parton de la problemo.

"Kial la anarkiisma sistemo ne estus realigebla? Ni ĉiuj, la

---

[26] En postlasita fragmento, mikse manskribita kaj tajpita, sidas jena varianto, pli kompleta:
*"— Tiraneco ĉiam estas tiraneco, diris la bankiero. Por kio, diable, oni substituu al la socia tiraneco de la burĝa sistemo la ŝtatan tiranecon de la socialisma sistemo aŭ de la komunisma sistemo? Tio signifas pasigi prizonulon el la ĉelo 23 en la ĉelon 24.*
*— La ĉelo 24 eble estas pli komforta, mi intervenis, ridetante.*
*— Eble, sed la sola vera komforto estas libero"* (Pessoa 2007a: 92).

progresintoj, deiras de la principo, ne nur ke la nuna sistemo maljustas, sed ke estas avantaĝe, ĉar ekzistas justeco, ĝin anstataŭigi per alia pli justa. Se ni ne tiel pensas, ni estas ne progresintoj, sed burĝoj. Nu, de kie venas ĉi tiu kriterio pri *justeco*? De tio, kio estas *natura* kaj *vera,* kontraste kun la sociaj fikcioj kaj la mensogoj de la konvencio. Nu, tio natura estas tio tute natura, ne tio duone, aŭ kvarone, aŭ okone natura. Tre bone. Nu, el du aferoj, unu: aŭ tio natura estas socie realigebla aŭ ĝi ne estas; alivorte, aŭ la socio povas esti natura, aŭ la socio estas esence fikcio kaj neniel povas esti natura. Se la socio povas esti natura, tiam povas ekzisti la socio anarkiisma, aŭ libera, kaj ĝi devas ekzisti, ĉar ĝi estas la socio tute natura. Se la socio ne povas esti natura, se (pro ia kialo, kiu ne gravas) ĝi nepre devas esti fikcio, tiam el du malbonoj, pli malgrandan elektu; ni igu ĝin, ene de tiu neevitebla fikcio, kiel eble plej natura, por ke ĝi estu, ĝuste tial, kiel eble plej justa. Kiu fikcio estas la plej natura? Neniu estas natura en si mem, ĉar ĝi estas fikcio; kiom koncernas nian nunan aferon, temas pri tiu, kiu *ŝajnas* plej natura, kiun oni *sentas* plej natura. Kiu el ili ŝajnas plej natura, aŭ kiun ni sentas plej natura? Temas pri tiu, kiun ni kutimas. (Vi ja komprenas: tio natura estas tio de la instinkto; kaj tio, kio, ne estante mem instinkto, ĉiel similas la instinkton, estas la kutimo. Fumi ne estas nature, ne estas bezono de la instinkto; sed, se ni kutimiĝis

fumi, ĝi fariĝas natura al ni, ĝi de tiam estas sentata kiel bezono de la instinkto). Nu, kia socia fikcio konsistigas kutimon de ni? Temas pri la nuna sistemo, la burĝa sistemo. El tio do sekvas, laŭ bona logiko, ke, aŭ ni opinias ebla la naturan socion, kaj ni estas defendantoj de anarkiismo; aŭ ni ne taksas ĝin ebla, kaj ni estas defendantoj de la burĝa reĝimo. Estas nenia meza hipotezo. Ĉu vi komprenis?...

— Jes, sinjoro; tio estas konvinka.

— Ĝi estas ankoraŭ ne sufiĉe konvinka... Restas alia objĵeto, samspeca, solvenda... Oni povas konsenti, ke la anarkiisma sistemo realigeblas, sed oni povas dubi, ĉu ĝi realigeblas *abrupte* — tio estas, ĉu oni povas transiri de la burĝa socio al la libera socio sen tio, ke troviĝas unu aŭ pluraj mezaj statoj aŭ reĝimoj. Kiu tiel objĵetos, tiu akceptas kiel bonan, kaj kiel realigeblan, la anarkiisman socion; sed li antaŭsentas, ke devas esti ia transira stato inter la burĝa socio kaj ĝi.

"Nu, tre bone. Ni supozu, ke tiel estas. Kio estas tiu meza stato? Nia celo estas la socio anarkiisma, aŭ libera; la meza do povas esti nur stato de preparo de la homaro por la libera socio. Tia preparo estas aŭ materia, aŭ simple mensa; tio estas, aŭ ĝi estas aro da materiaj aŭ sociaj atingoj, kiuj adaptas la homaron al la libera socio, aŭ ĝi estas simpla propagando, laŭgrade kreskanta kaj influa, kiu *mense* preparas la homaron, por ke ĉi

tiu ĝin deziru aŭ akceptu.

“Ni venu al la unua demando, al la laŭgrada kaj materia adapto de la homaro al la libera socio. Ĝi estas neebla; ĝi estas pli ol neebla: ĝi absurdas. Estas nenia materia adapto krom al io, *jam ekzistanta*. Neniu el ni povas materiale adaptiĝi al la socia medio de la dudektria jarcento, eĉ se li scias, kia ĝi estos; kaj li ne povas materiale adaptiĝi, ĉar la dudektria jarcento kaj ĝia socia medio ankoraŭ ne ekzistas *materiale*. Tiel ni venas al la konkludo, ke, dum la transiro de la burĝa socio al la libera socio, la sola parto adapta, evolua aŭ transira, kiu povas ekzisti, estas *mensa*, estas la laŭgrada adapto de la spiritoj al la ideo pri la libera socio... Ĉiaokaze, sur la kampo de la materia adapto, estas ankoraŭ hipotezo...

— Fi, tiom da hipotezoj!....

— Ho kara, la lucida homo devas ekzameni ĉiujn eblajn obĵetojn kaj refuti ilin, antaŭ ol li povas diri, ke li certas pri sia doktrino. Kaj, krome, ĉio tia venas responde al demando, kiun vi faris al mi...

— Bone.

— Sur la kampo de la materia adapto, mi estis diranta, ĉiaokaze estas alia hipotezo. Temas pri la revolucia diktaturo.

— Kio pri la revolucia diktaturo?

— Kiel mi klarigis al vi, povas esti nenia materia adapto

al io, ankoraŭ ne ekzistanta materiale. Sed se, per subita movo, fariĝos la socia revolucio, tuj stariĝas ne la libera socio (ĉar por tiu la homaro ne povas ankoraŭ esti preparita), sed diktaturo de tiuj, volantaj starigi la liberan socion. Sed jam ekzistas, eĉ se skize aŭ komence, jam ekzistas *materiale* iom de la libera socio. Jam estas do io materia, al kio la homaro povas adaptiĝi. Ĝuste per tiu ĉi argumento la brutoj, defendantaj la "diktaturon de la proletaro", ĝin defendus, se ili kapablus argumenti aŭ pensi. La argumento, kompreneble, estas ne ilia: ĝi estas mia. Mi ĝin starigas, kiel objĵeton, al mi mem. Kaj, kiel mi montros al vi..., ĝi estas falsa.

"Revolucia reĝimo, tiel longe kiel ĝi ekzistas, kaj kian ajn celon ĝi penas trafi aŭ kia ajn ideo ĝin gvidas, estas *materiale* nur unu afero — revolucia reĝimo. Nu, revolucia reĝimo egalas al milita diktaturo aŭ, per la veraj vortoj, al despota armea reĝimo, ĉar la militstaton altrudas al la socio unu el ĝiaj partoj — tiu parto, akirinta la regpovon. Kio sekvas el tio? El tio sekvas, ke, kiu adaptiĝos al tia reĝimo, ĉar *materiale, tuje*, ĝi estas nenio alia ol despota armea reĝimo, tiu adaptiĝos al despota armea reĝimo. La ideo, kiu gvidis la revoluciulojn, la celo, kiun ili penis trafi, tute malaperis el la socia *realaĵo*, kiun ekskluzive okupas la militema fenomeno. Kaj tiel, la sekvo de revolucia diktaturo — kaj des pli plene ju pli longe tia diktaturo daŭros —

estas militema socio de diktatura speco, tio estas, armea despotismo. Ĝi eĉ ne povus esti io alia. Kaj ĉiam estis tiel. Mi ne scias multe pri historio, sed tio, sciata de mi, akordas kun ĉi tio; kaj ĝi ne povus ne akordi. Kio rezultis el la politikaj tumultoj de Romo? La romia imperio kaj ĝia armea despotismo. Kio rezultis el la Franca Revolucio? Napoleono kaj lia armea despotismo. Kaj vi vidos, kio venos de la Rusa Revolucio... Io, kio prokrastos dum jardekoj la efektiviĝon de la libera socio... Tamen kion oni povus atendi de popolo el analfabetoj kaj mistikuloj?...[27]

"Nu, tio ĉi jam estas ekster nia temo... Ĉu vi komprenis mian argumenton?

— Mi perfekte ĝin komprenis.

— Vi do komprenas, ke mi venis al jena konkludo: Celo: la anarkiisma socio, la libera socio; rimedo: la transiro, *senpera*, de la burĝa socio al la libera socio. Tian transiron pretigus kaj ebligus intensa, plena, absorba propagando, kiu emigus ĉiujn spiritojn kaj malfortigus ĉiajn kontraŭstarojn. Evidente, sub "propagando" mi komprenas ne nur la skribitan kaj parolatan

[27] En postlasita fragmento, la aŭtoro eĉ komparas komunistojn al jezuitoj: *"Ĉu vi scias, pri kio memorigas min la nuna stato de Ruslando?*
*— Pri kio?*
*— Pri jezuita lernejo. La jezuitoj almenaŭ havas religion kiel ekskuzon. La komunistoj estas la jezuitoj sen ekskuzo"* (Pessoa 2007a: 72).

vorton: mi komprenas ĉion — nerektan aŭ rektan agadon —, kio povas emigi al la libera socio kaj malfortigi la rezistadon kontraŭ ĝia alveno. Tiel, havante preskaŭ neniom da venkendaj kontraŭstaroj, la socia revolucio, kiam ĝi venus, estus rapida, facila, kaj ĝi devus starigi nenian revolucian diktaturon, ĉar ĝi havus neniun, kontraŭ kiu ĝi povus apliki tian diktaturon. Se ne povas esti tiel, tio signifas, ke anarkiismo estas nerealigebla; kaj, se anarkiismo estas nerealigebla, nur la burĝa socio, kiel mi jam pruvis al vi, estas defendebla kaj justa.

“Jen kial kaj kiel mi fariĝis anarkiisto, kaj kial kaj kiel mi malakceptis, kiel falsajn kaj kontraŭnaturajn, la aliajn sociajn doktrinojn malpli aŭdacajn.

“Jen do... Nun mi daŭrigu mian historion.

Li klakigis alumeton kaj malrapide ekbruligis la cigaron. Li enpensiĝis kaj post nelonge daŭrigis.

— Estis pluraj aliaj junuloj kun la samaj opinioj kiel mi. Ili plejmulte estis laboristaj, sed tiu aŭ alia ne estis tiaj; tamen ni ĉiuj malriĉis kaj, kiom mi memoras, ni ne tre stultis. Ni iel volis kleriĝi, scii aferojn, kaj samtempe ni volis propagandi, disvastigi niajn ideojn. Ni volis por ni kaj por la ceteraj — por la tuta homaro — novan socion, liberan de ĉiuj ĉi antaŭjuĝoj, kiuj igas la homojn nenature neegalaj kaj altrudas al ili malsuperecojn,

suferojn, mizerojn, ne altruditajn de la Naturo. Kiom min koncernis, miaj legaĵoj konfirmis al mi ĉi tiujn opiniojn. En malmultekostaj liberecanaj libroj — nur tiaj ekzistis tiam, kaj ili sufiĉe abundis — mi legis preskaŭ ĉion. Mi ĉeestis prelegojn kaj mitingojn de la tiamaj propagandistoj. Ĉiu libro kaj ĉiu parolado pli multe konvinkis min pri la certeco kaj justeco de miaj ideoj. Mi opiniis tiam — mi ripetas al vi, mia amiko — la samon, kiel mi opinias nun, la sola diferenco estas tio, ke tiam mi nur opiniis ĝin, nun mi ĝin opinias kaj praktikas.

— Nu, bone; ĝis nun ĉio estas en ordo. Nenia dubo pri tio, ke vi fariĝis anarkiisto tiel, kaj mi vidas tute bone, ke vi estis anarkiisto. Pliajn pruvojn pri tio mi ne bezonas. Tamen mi volas ekscii, kiel de tie venis la bankiero..., kiel li venis de tie sen kontraŭdiro... Tio estas, mi jam pli malpli supozas...

— Ne, vi supozas nenion... Mi scias, kion vi volas diri... Vi baziĝas sur la argumentoj, kiujn vi ĵus aŭdis de mi, kaj vi supozas, ke mi trovis anarkiismon realigebla kaj tial, kiel mi diris al vi, nur la burĝan socion defendebla kaj justa — ĉu ne?...

— Jes, mi supozis, ke temas pli malpli pri tio...

— Sed kiel povus temi pri tio, se de la komenco de la konversacio mi diradis kaj ripetadis al vi, ke mi *estas* anarkiisma, ke mi ne nur estis sed plu estas tia? Se mi fariĝintus bankiero kaj komercisto pro la kialo, kiun vi supozas, mi ne estus

anarkiisto, mi estus burĝo.

— Jes, vi pravas... Sed do kiel diable...? Nu, nu, diru do...

— Kiel mi diris al vi, mi estis (ĉiam estis) pli malpli lucida, kaj ankaŭ agema homo. Temas pri naturaj kvalitoj; oni ne metis ilin en mian lulilon (se mi entute havis lulilon), tien alportis ilin mi mem. Nu, bone. Kiel anarkiisto, mi trovis neelteneble esti anarkiisto nur pasive, nur por iri aŭskulti paroladojn kaj babili pri tio kun la amikoj. Ne: necesis fari ion! Necesis labori kaj lukti por la afero de la subprematoj kaj de la viktimoj de la sociaj konvencioj! Mi decidis meti manon al tio, kiel ajn mi povus. Mi ekpensis pri tio, kiel mi povus utili al la liberecana afero. Mi ekskizis mian agoplanon.

"Kion volas la anarkiisto ? Liberon — liberon por si kaj por la aliaj, por la tuta homaro. Li volas esti libera de la influo aŭ premo de la sociaj fikcioj; li volas esti tiel libera, kiel li naskiĝis kaj aperis en la mondo, ĉar tia li devas esti laŭ justeco; kaj tian liberon li volas por si kaj por ĉiuj ceteraj. Ne ĉiuj povas esti egalaj antaŭ la Naturo: unuj naskiĝas altaj, aliaj malaltaj; unuj fortaj, aliaj malfortaj; unuj pli inteligentaj, aliaj malpli... Sed ĉiuj povas esti egalaj de tiam; nur la sociaj fikcioj tion malhelpas. Ĝuste tiajn sociajn fikciojn necesis detrui.

"Necesis ilin detrui... Sed mi ne preterlasis ion: necesis ilin detrui... *sed profite al libero*, kaj ĉiam celante la kreadon de la

libera socio. Ĉar detrui la sociajn fikciojn oni povas, ne nur por krei liberon aŭ prepari la vojon de libero, sed ankaŭ por starigi alispecajn sociajn fikciojn, same malbonajn, ĉar same fikciajn. Ĉi-prie ja necesis esti singarda. Necesis trafi agoprocedon, kia ajn estu ĝia perforto aŭ neperforto (ĉar kontraŭ la sociaj maljustaĵoj ĉio estis rajta), per kiu oni kontribuus al la detruo de la sociaj fikcioj sen samtempe malhelpi la kreadon de la estonta libero; eĉ tuj kreante, se tio eblus, iom de la estonta libero.

"Kompreneble, tiu ĉi libero, kiun oni zorgu ne malhelpi, estas la *estonta libero* kaj, en la nuna tempo, la *libero de tiuj, subpremataj de la sociaj fikcioj*. Kompreneble, ni ne devas zorgi ne malhelpi la "liberon" de la potenculoj, de la bonpoziciaj, de ĉiuj, kiuj reprezentas la sociajn fikciojn kaj de ili profitas. Ĝi estas ne libero; ĝi estas la libero tirani, kia estas la malo de libero. Tia libero, male, estas la afero, kiun ni plej multe intencu malhelpi kaj kontraŭbatali. Ŝajnas al mi, ke ĉi tio estas klara...

— Tute klara. Daŭrigu...

— Por kiu la anarkiisto volas liberon? Por la tuta homaro. Kia estas maniero atingi liberon por la tuta homaro? Fordetrui ĉiujn sociajn fikciojn. Kiel oni povus fordetrui ĉiujn sociajn fikciojn? Jam pli frue mi donis al vi la klarigon, kiam, pro via demando, mi diskutis la aliajn progresintajn sistemojn kaj klarigis al vi, kiel kaj kial mi estas anarkiisto... Ĉu mian

konkludon vi memoras?...

— Jes...

— ... Subita, abrupta, draŝa socia revolucio, unusalte transiganta la socion de la burĝa reĝimo al la libera socio. Tia socia revolucio, preparita per intensa kaj kontinua laboro, el rekta kaj nerekta agado, celanta prepari ĉiujn spiritojn por la veno de la libera socio, kaj malfortigi ĝis komata stato ĉiajn kontraŭstarojn de la burĝaro. Ne necesas, ke mi ripetu al vi la motivojn, kiuj neeviteble kondukas al tiu ĉi konkludo, ene de anarkiismo; mi jam elmetis ilin al vi, kaj vi jam ekkomprenis ilin.

— Jes.

— Tia revolucio estu preferinde tutmonda, samtempa en ĉiuj lokoj, aŭ en la plej gravaj lokoj de la mondo; aŭ, se ne tiel, ĝi rapide deiru de unuj al la aliaj, sed ĉiaokaze, en ĉiu punkto, tio estas, en ĉiu nacio, ĝi estu fulma kaj kompleta.

“Tre bone. Kion *mi* povus fari tiucele? Mi sola ne povus fari ĝin, la tutmondan revolucion, kaj mi ne povus fari la kompletan revolucion eĉ en la parto koncernanta la landon, kie mi estas. Tamen mi povus labori, per mia tuta streĉo, por fari la preparon por tia revolucio. Mi jam klarigis al vi, kiel: batalante, per ĉiaj disponeblaj rimedoj, kontraŭ la sociaj fikcioj; neniam malhelpante, dum tiu batalado aŭ dum la propagando de la libera

socio, la estontan liberon aŭ la nunan liberon de la subprematoj; kreante tuj, se eble, iom de la estonta libero.

Li enspiris fumon; faris leĝeran paŭzon; rekomencis.

— Nu, mia amiko, tiam mi funkciigis mian klarmensecon. Labori por estonteco estas bone, mi pensis; labori, por ke la aliaj havu liberon, estas ĝuste. Sed kio pri mi? Ĉu mi estas neniu? Se mi estus kristano, mi gaje laborus por la estonteco de la aliaj, ĉar jen mi havus mian rekompencon en la ĉielo; tamen, aldone, se mi estus kristano, mi ne estus anarkiisto, ĉar tiam tiaj sociaj neegalecoj ne gravus en nia mallonga vivo: ili estus nuraj kondiĉoj de nia provado, kaj jen ili estus kompensitaj en la eterna vivo. Sed mi ne estis kristano, same kiel nun, kaj mi demandis min: sed por kiu mi oferos min en ĉio tia? Eĉ pli grave: *kial* mi oferos min?

"Min trafis momentoj de nekredemo; kaj vi komprenas, ke ĝi estis pravigebla... Mi estas materialisto, mi pensis; mi havas nenian vivon krom la nuna; kial mi rompu al mi la kapon per propagandoj kaj sociaj neegalecoj, kaj aliaj fabeloj, kiam mi povas ĝui kaj amuziĝi ege pli multe, se mi ne zorgas pri tio? Tiu, havanta nur la nunan vivon, ne kredanta la eternan vivon, ne agnoskanta alian leĝon krom la Naturo, kontraŭanta la ŝtaton, ĉar ĝi ne estas natura, geedziĝon, ĉar ĝi ne estas natura, monon,

ĉar ĝi ne estas natura, ĉiajn sociajn funkciojn, ĉar ili ne estas naturaj, kial diable li predikas altruismon kaj sinoferon por la aliaj, aŭ por la homaro, se ankaŭ altruismo kaj sinofero ne estas naturaj? Jes, la sama logiko, montranta al mi, ke iu homo ne naskiĝas por esti edza, aŭ por esti portugala, aŭ por esti riĉa aŭ malriĉa, montras al mi ankaŭ, ke li ne naskiĝas por esti *solidara*, ke li naskiĝas nur por esti li mem, kaj do la malo de altruisma kaj solidara, kaj do ekskluzive egoisma.

"Mi diskutis la aferon kun mi mem. Rimarku, mi diris al mi mem, ke ni naskiĝas apartenantaj al la homa specio, kaj ke ni havas la devon solidari kun ĉiuj homoj. Sed ĉu la ideo pri "devo" estis natura? De kie venis tiu ĉi ideo pri "devo"? Se tiu ĉi ideo pri devo devigis min oferi mian bonstaton, mian komforton, mian instinkton pri konservado kaj miajn aliajn naturajn instinktojn, per kio diverĝis la agado de tiu ideo de la agado de iu ajn socia fikcio, kiu produktas ĉe ni ĝuste la saman efikon?

"Tiun ĉi ideon pri devo, tiun ĉi aferon pri homa solidareco oni povus rigardi kiel naturan nur, *se ĝi kunportus egoisman kompenson*, ĉar tiam, kvankam ĝi principe kontraŭdirus la naturan egoismon, se ĝi ĉiam donus kompenson al tia egoismo, ĝi malgraŭ ĉio ne kontraŭdirus tiun ĉi. Oferi plezuron, simple oferi ĝin, ne estas nature; tamen oferi plezuron kontraŭ alia jam estas ene de la Naturo: tio signifas, el du naturaj aferoj, kiujn oni

ne povas havi ambaŭe, elekti unu, kio estas en ordo. Nu, kian egoisman, aŭ naturan, kompenson povus doni al mi la sindediĉo al la afero pri la libera socio kaj pri la estonta homa feliĉo? Nur la konscion pri la plenumita devo, pri la klopodo por bona celo; kaj neniu el tiuj ĉi aferoj estas egoisma kompenso, neniu el tiuj ĉi aferoj estas plezuro en si, sed plezuro, se ja temas pri plezuro, naskita de fikcio, kia povas esti la plezuro pro senmezura riĉeco, aŭ la plezuro pro naskiteco en bona socia pozicio.

“Mi konfesas al vi, kara amiko, ke min trafis momentoj de nekredemo... Mi sentis min mallojala al mia propra doktrino, perfida al ĝi... Sed ĉion ĉi mi baldaŭ venkis. La ideo pri justeco estis ĉi tie, ene de mi, mi pensis. Mi sentis ĝin natura. Mi sentis, ke ekzistas devo pli granda ol la zorgo pri nur mia sorto. Kaj mi elpaŝis kun mia intenco.

— Ŝajnas al mi, ke tia decido ne montris apartan klarmensecon de via flanko... Vi ne solvis la malfacilaĵon... Vi elpaŝis per absolute sentimentala impulso...

— Sendube. Sed tio, kion mi nun rakontas al vi, estas la historio pri tio, kiel mi fariĝis anarkiisma, kaj kiel mi plu estis tia, kaj plu estas. Mi lojale elmetas al vi la hezitojn kaj malfacilaĵojn, kiujn mi havis, kaj kiel mi venkis ilin. Mi konsentas ke, tiumomente, la logikan malfacilaĵon mi venkis per sento, sed ne per logiko. Tamen vi vidos, ke poste, kiam mi

atingis la plenan komprenon pri la anarkiisma doktrino, tiu ĉi malfacilaĵo, ĝis tiam evidente senresponda, ricevis sian kompletan kaj absolutan solvon.

— Estas kurioze...

— Jes... Nun lasu min plu rakonti mian historion. Mi havis tiun ĉi malfacilaĵon kaj mi ĝin solvis, kvankam malbone, kiel mi diris al vi. Tuj poste, kaj laŭ la fadeno de miaj pensoj, aperis al mi alia malfacilaĵo, kiu ankaŭ multe embarasis min.

"Estis en ordo — se tiel diri— ke mi emis oferi min, sen iu ajn propre persona rekompenco, tio estas, sen iu ajn vere *natura* rekompenco. Sed ni supozu, ke la estonta socio tute ne fariĝos tia, kian mi atendis, ke neniam ekzistos la libera socio, tiam por kiu diablo mi oferadis min? Oferi min por ideo sen persona rekompenco, sen ke mi gajnus ion per mia penado por tiu ideo, estus akcepteble; sed oferi min sen almenaŭ certi, ke tio, por kio mi laboradis, iam ekzistos, *sen tio, ke la ideo mem profitus de mia penado* — tio estus iom pli forta... Jam nun mi diras al vi, ke la malfacilaĵon mi solvis per la sama sentimentala procedo, per kiu mi solvis la alian; sed mi ankaŭ avertas vin, ke, same kiel la alian, tiun ĉi mi solvis per logiko, aŭtomate, kiam mi venis al la plene konscia stato de mia anarkiismo... Poste vi vidos... En la tempo de tio, kion mi nun rakontas al vi, mi eltiris min el la embaraso per unu aŭ du senenhavaj frazoj. "Mi faros

mian devon rilate estontecon; estonteco faru la sian rilate min...” Tio, aŭ io simila...

“Mi proponis ĉi tiun konkludon, aŭ prefere tiujn ĉi konkludojn, al miaj kamaradoj, kaj ili ĉiuj konsentis kun mi; ili ĉiuj konsentis, ke necesas iri antaŭen kaj fari ĉion por la libera socio. Estas vere, ke tiu aŭ alia, el la plej inteligentaj, iom konsterniĝis pro la elmeto, ne ĉar ili ne konsentis, sed ĉar ili neniam antaŭe vidis la aferojn tiel klaraj, nek la tuberojn, kiujn ĉi tiaj aferoj havas... Sed ĉiaokaze ili ĉiuj konsentis... Ni ĉiuj estis laborontaj por la granda socia revolucio, por la libera socio, tute egale, ĉu la estonteco nin pravigos aŭ ne! Ni formis grupon, el fidindaj membroj, kaj ni komencis vastan propagandon — vastan, kompreneble, ene de la limoj de tio, kion ni povis fari. Dum longa tempo, inter malfacilaĵoj, komplikaĵoj, kaj iafoje persekutoj, jen ni laboradis por la anarkiisma idealo.

La bankiero, veninte ĉi-punkten, faris iom pli longan paŭzon. Li ne ekbruligis la cigaron, denove estingiĝintan. Subite li leĝere ridetis kaj, kun la mieno de iu, atinginta la gravan punkton, li pli fikse rigardis min kaj daŭrigis, klariginte al si la voĉon kaj pli multe emfazante la vortojn.

— Ĉi-momente, li diris, aperis io nova. “Ĉi-momente” estas parolfiguro. Mi volas diri, ke, post kelkaj monatoj da ĉi tia

propagando, mi ekrimarkis novan komplikaĵon, kaj jen ĝi estis la plej serioza el ĉiuj, ĝi ja estis sendube serioza...

"Vi memoras, ĉu ne? pri tio, kio, laŭ mia konkludo post rigora rezonado, devus esti la procedo de la anarkiistoj... Iu ajn procedo, aŭ procedoj, per kiu oni kontribuus al la detruo de la sociaj fikcioj, sen samtempe malhelpi la kreadon de la estonta libero, sen do iel ajn malhelpi la malmultan liberon de tiuj, nun subpremataj de la sociaj fikcioj; procedo, kiu, se eble, tuj kreus iom de la estonta libero...

"Jen do: kiam mi certiĝis pri tiu ĉi kriterio, mi neniam plu ĉesis konsideri ĝin... Nu, en la tempo de nia propagando, pri kiu mi nun parolas al vi, mi ion malkovris. En la propaganda grupo — ni estis ne multaj; ni estis kvardek, se mi ne eraras — okazis jeno: *tiraneco estis kreata*.

— Tiraneco estis kreata?... Kiel tiraneco estis kreata?

— En jena maniero... Unuj estris aliajn kaj prenis ilin kun si ien ajn laŭ sia plaĉo; unuj trudis sin al aliaj kaj devigis ilin esti io ajn laŭ ilia plaĉo; unuj trenis aliajn per artifikoj kaj ruzoj ien ajn laŭ sia plaĉo. Mi ne diras, ke ili tion faris pri gravaj aferoj; tie eĉ ne estis gravaj aferoj, pri kiuj ili povus tion fari. Tamen estas fakto, ke tio okazadis ĉiam kaj ĉiutage, kaj ne nur pri aferoj rilataj al la propagando, sed ankaŭ ekster tiuj, pri ordinaraj aferoj de la vivo. Unuj fariĝis indiferente ĉefoj, aliaj indiferente

subuloj. Unuj estis ĉefoj trude; aliaj estis ĉefoj ruze. Oni tion vidis en la plej simpla fakto. Jen ekzemplo: du el la junuloj kune laŭiris straton; ili venis al la fino de la strato, kaj unu devis iri dekstren kaj la alia maldekstren; al ĉiu el ili konvenis iri siaflanken. Sed tiu, ironta maldekstren, diris al la alia: "venu kun mi ĉi-direkte"; la alia respondis, kaj li parolis vere, "Homo, mi ne povas; mi devas iri tiudirekte", pro tiu aŭ alia kialo... Sed fine, kontraŭ sia volo kaj sia konveno, jen li iris kun la alia maldekstren... Tio okazis iafoje pro persvado, alifoje pro simpla insisto, triafoje pro iu ajn alia kialo... Tio estas, neniam temis pri logika kialo; ĉiam troviĝis, en tiu ĉi altrudo kaj en tiu ĉi subordiĝo, io spontana, kvazaŭ instinkta... Kaj same kiel pri tiu ĉi simpla afero, pri ĉiuj aliaj aferoj; de la malplej ĝis la plej gravaj... Ĉu vi bone vidas la aferon?

— Jes. Sed kio diable strangas pri tio? Ĉio tia estas plej natura!...

— Verŝajne. Ni tuj parolos prie. Tamen mi petas vin noti, ke temas *ĝuste pri la malo de la anarkiisma doktrino*. Rimarku bone, ke tio ĉi okazis ĉe malgranda grupo, ĉe grupo seninflua kaj negrava, ĉe grupo, al kiu oni taskis la solvon de nenia grava afero aŭ decido pri iu ajn serioza temo. Kaj rimarku, ke tio okazis ĉe grupo da homoj, kiuj ariĝis speciale por kontribui laŭ sia povo al la anarkiisma celo — tio estas, por laŭeble batali kontraŭ la

sociaj fikcioj kaj laŭeble krei la estontan liberon. Ĉu vi bone rimarkis ĉi tiujn du punktojn?

— Jes.

— Nun bone vidu la signifon de tio ĉi... Malgranda grupo da homoj sinceraj (mi garantias al vi, ke ili sinceris!), formita kaj arigita specife por labori por la afero de libero, sukcesis, post kelke da monatoj, atingi nur unu pozitivan kaj konkretan rezulton — *la kreadon de tiraneco inter si*. Kaj rimarku, kia tiraneco... Temis ne pri tiraneco, devenanta de la agado de la sociaj fikcioj, kia, kvankam bedaŭrinda, estus iagrade pardoninda, kvankam malpli ĉe ni ol ĉe aliaj homoj, ĉar ni batalis kontraŭ tiuj fikcioj; nu, tamen ni vivis meze de socio, bazita sur tiaj fikcioj, kaj ni ne tute kulpis, se ni ne povis plene eviti ilian agadon. Sed temis ne pri tio. Tiuj, estrantaj la aliajn, aŭ prenantaj ilin kun si ien ajn laŭ sia plaĉo, tion faris ne per la forto de mono, aŭ de la socia pozicio, aŭ de iu ajn aŭtoritato de fikcia naturo, kiujn ili arogus al si; ili tion faris per iaspeca agado ekster la sociaj fikcioj. Jen do: tia ĉi tiraneco estis, rilate la sociajn fikciojn, *nova tiraneco*. Kaj ĝi estis tiraneco praktikata kontraŭ homoj, esence subpremataj jam de la sociaj fikcioj. Aldone, temis pri tiraneco, kiun inter si praktikis homoj, kies sincera intenco estis nenio alia, ol detrui tiranecon kaj krei liberon.

“Nun imagu la aferon ĉe grupo multe pli granda, multe pli

influa, pritraktanta jam gravajn demandojn kaj decidojn de fundamenta naturo. Imagu, ke tia grupo direktas siajn klopodojn, kiel la nia, al la formado de libera socio. Kaj nun diru al mi, ĉu tra tia ŝarĝo el interplektitaj tiranecoj vi vidas iun ajn estontan socion similan al ia libera socio aŭ al ia homaro inda je si mem...

— Jes, tio estas tre kurioza...

— Ĝi estas kurioza, ĉu ne?... Kaj, vidu, estas ankaŭ tre kuriozaj flankaj punktoj... Ekzemple, la tiraneco de helpo...

— Kia?

— La tiraneco de helpo. Iuj el ni, anstataŭ estri la aliajn, anstataŭ trudi sin al la aliaj, male, ĉiel helpis ilin laŭ sia povo. Ŝajnas la malo, ĉu ne? Tamen temas pri la samo. Temas pri la sama nova tiraneco. Temas pri la sama maniero kontraŭi la anarkiismajn principojn.

— Kiu povus kredi tion! Per kio?

— Helpi iun, mia amiko, signifas rigardi lin kiel malkapablan; se li ne estas malkapabla, tio signifas aŭ igi lian tia, aŭ supozi lin tia, kaj tio ĉi egalas, en la unua cirkonstanco, al tiraneco, kaj en la dua, al malestimo. En unu cirkonstanco oni stringas la liberon de aliulo; en la alia cirkonstanco, oni deiras, almenaŭ nekonscie, de la principo, ke aliulo estas malestiminda kaj ne meritas aŭ ne kapablas ĝui liberon.

"Ni revenu al nia afero... Vi bone vidas, ke tiu ĉi punkto

estis gravega. Se ni laborus por la estonta socio, ne esperante, ke ĝi dankos nin, aŭ eĉ riskante, ke ĝi neniam venos, tio estus akceptebla. Ĉio tia estus akceptebla. Sed estus ekscese, se ni laborus por estonteco de libero kaj farus nenion pozitivan krom krei tiranecon, kaj ne nur tiranecon, sed novan tiranecon, kaj tiranecon praktikatan de ni, la subprematoj, unuj kontraŭ la aliaj. Nu, ĉi tio ne povus esti...

"Mi ekpensis. Ĉi tie kuŝis eraro, ia devojiĝo. Niaj intencoj bonis; niaj doktrinoj ŝajnis ĝustaj; ĉu niaj procedoj estis eraraj? Ili certe estis tiaj. Sed kie diable kuŝis la eraro? Mi ekpensis pri tio kaj preskaŭ freneziĝis. Iutage, subite, kiel ĉiam okazas en ĉi tiaj aferoj, mi trovis la solvon. Temis pri la granda tago de miaj anarkiismaj teorioj; la tago, en kiu mi eltrovis, por tiel diri, la teknikon de anarkiismo.

Li momente rigardis min, sen rigardi min. Poste li daŭrigis, samtone.

— Mi tiel pensis... Jen ni havas novan tiranecon, tiranecon, kiu devenas ne de la sociaj fikcioj. De kie do ĝi devenas? Ĉu ĝi devenas de la naturaj kvalitoj? Se ĝi devenas, adiaŭ, libera socio! Se socio, kie funkcias nur la naturaj kvalitoj de la homoj — la kvalitoj, kun kiuj ili naskiĝas, kiujn ili ŝuldas nur al la Naturo, kaj super kiuj ni havas nenian potencon —, se socio, kie funkcias nur tiaj kvalitoj, estas amaso da tiranecoj,

tiam kiu movos eĉ la etfingron, por kontribui al la veno de tia socio? El du tiranecoj, restu tiu, jam ekzistanta, ĉar ni almenaŭ kutimas ĝin, kaj tial ni neeviteble ĝin sentas malpli, ol ni sentus novan tiranecon, des pli kun la terura karaktero de ĉiuj tiranaĵoj, kiuj rekte venas de la Naturo — tio, ke ne eblas ribeli kontraŭ ĝi, same kiel oni ne revolucias kontraŭ mortodevo aŭ kontraŭ tio, ke oni naskiĝas malalta, kvankam oni preferus naskiĝi alta. Fakte, mi jam pruvis al vi, ke, se la anarkiisma socio ial ne estas realigebla, tiam la burĝa socio devas ekzisti, ĉar ĝi estas pli natura ol iu ajn alia, escepte de tiu.

"Sed ĉu tia ĉi tiraneco, kia tiel naskiĝis inter ni, vere devenis de la naturaj kvalitoj? Nu, kio estas la naturaj kvalitoj? Ili estas la grado de inteligento, de imago, de volo, ktp., kun kiu ĉiu naskiĝas — mi kompreneble aludas la mensan kampon, ĉar la fizikaj naturaj kvalitoj estas fremdaj al la temo. Nu, se iu ulo estras alian pro kaŭzo, devenanta de la sociaj fikcioj, li certe tion faras, ĉar li superas tiun per unu aŭ alia el la naturaj kvalitoj. Li tiun superregas, farante uzon el siaj naturaj kvalitoj. Sed io rimarkindas: ĉu tia uzo de la naturaj kvalitoj estas rajta, tio estas, ĉu ĝi estas *natura*?

"Nu, kia estas la natura uzo de niaj naturaj kvalitoj? Servi la naturajn celojn de nia personeco. Nu, ĉu superregi iun estas natura celo de nia personeco? Ĝi povas esti tio; en unu afero ĝi

povas esti tio: kiam tiu persono, rilate al ni, okupas lokon de malamiko. Por la anarkiisto, kompreneble, lokon de malamiko okupas iu ajn reprezentanto de la sociaj fikcioj kaj de ilia tiraneco; neniu alia, ĉar ĉiuj aliaj homoj estas homoj kiel li kaj naturaj kamaradoj. Nu, vi bone vidas: la afero de tiraneco, kiun ni antaŭe kreis inter ni, estis ne tiu ĉi; la tiraneco, kiun ni antaŭe kreis, estis praktikata kontraŭ homoj kiel ni, naturaj kamaradoj, kaj aldone, kontraŭ homoj duoble kamaradaj, ĉar ili estis tiaj ankaŭ pro komuneco de la sama idealo. Konkludo: tia ĉi tiraneco de ni, se ĝi ne devenis de la sociaj fikcioj, ankaŭ ne devenis de la naturaj kvalitoj; ĝi devenis de malĝusta apliko, de perversigo, de la naturaj kvalitoj. Kaj tiu perversigo, de kie ĝi devenis?

"Ĝi nepre devenis de unu el du aferoj: aŭ de tio, ke la homo nature malbonas, kaj do ĉiuj naturaj kvalitoj estas *nature perversaj*; aŭ de perversiĝo, rezultanta de la longa restado de la homaro en atmosfero de sociaj fikcioj, ĉiuj el ili kreantaj tiranecon, do en atmosfero, kiu emas igi instinkte tirana la plej naturan uzon de la plej naturaj kvalitoj. Nu, el tiuj ĉi du hipotezoj, kiu estus la vera? Ne eblis tion determini en maniero kontentiga, tio estas, strikte logika aŭ scienca. Per rezonado oni ne povas penetri en la problemon, ĉar ĝi estas de naturo historia, aŭ scienca, kaj dependas de la sciado de *faktoj*. Siaflanke, ankaŭ scienco ne helpas nin, ĉar kiel ajn malproksimen ni retrorigardos

en la historio, ni ĉiam trovos la homon, vivantan sub unu aŭ alia sistemo de socia tiraneco, kaj do ĉiam en stato, kiu ne ebligas al ni certiĝi pri tio, kia la homo estas, kiam li vivas en cirkonstancoj pure kaj plene naturaj. Ĉar estas neniu maniero determini kun certeco, ni inkliniĝu al la flanko de la pli granda probableco; kaj la pli granda probableco kuŝas en la dua hipotezo. Estas pli nature supozi, ke la longega restado de la homaro en sociaj fikcioj, kreantaj tiranecon, igas ĉiun homon naskiĝi jam kun siaj naturaj kvalitoj tiel perversigitaj, ke li fariĝas spontane tirana, eĉ se li ne intencas tirani, ol supozi, ke la naturaj kvalitoj povas esti nature perversigitaj, kio iel prezentas kontraŭdiron. Tial la pensulo decidiĝas, same kiel mi decidiĝis, kun preskaŭ absoluta sekureco, por la dua hipotezo.

"Jen do: unu afero estas evidenta... En la nuna socia stato, ne eblas al grupo da homoj, kiel ajn bonintencaj ili ĉiuj estas, kiom ajn ili zorgas pri nenio alia, ol batali kontraŭ la sociaj fikcioj kaj labori por libero, ke ili laboru kune, sen spontane krei inter si tiranecon, sen krei inter si novan tiranecon, aldonan al tiu de la sociaj fikcioj, sen detrui praktike ĉion, kion ili volas teorie, sen preterintence malhelpi kiel eble plej multe tiun saman celon, kiun ili volas antaŭenigi. Kio estas farenda? Tre simple... ni ĉiuj laboru por la sama celo, *sed malkune*.

— Malkune?

— Jes. Ĉu mian argumenton vi ne sekvis?

— Mi ja sekvis ĝin.

— Kaj ĉu tiun ĉi konkludon vi ne trovas logika, ne trovas fatala?

— Mi ja trovas... Sed mi ne bone vidas, kiel tio...

— Mi tuj klarigos... Diris mi: ni ĉiuj laboru por la sama celo, sed malkune. Laborante kun la ceteraj por la sama anarkiisma celo, ĉiu el ni kontribuas per sia klopodo al la detruo de la sociaj fikcioj, ĉar tien li direktas ĝin, kaj al la kreado de la estonta libera socio; kaj laborante malkune ni neniel povas krei novan tiranecon, ĉar neniu agas kontraŭ la alia, kaj do li povas nek, superregante tiun, malgrandigi ties liberon, nek, helpante tiun, forviŝi ĝin.

"Laborante tiel malkune kaj por la sama anarkiisma celo, ni havas la du avantaĝojn — tiun de la klopodo, kaj tiun de la nekreado de nova tiraneco. Ni restas unuecaj, ĉar ni estas morale tiaj kaj laboras en la sama maniero por la sama celo; ni restas anarkiismaj, ĉar ĉiu el ni laboras por la libera socio; sed ni ne plu estas perfidaj, ĉu laŭvole, ĉu pretervole, al nia afero, ni eĉ ne plu povas esti tiaj, ĉar ni evitas, per la malkuna laboro anarkiisma, la detruan influon de la sociaj fikcioj, en ties hereda reflekto sur la kvalitojn, kiujn la Naturo donis.

"Kompreneble, ĉi tia tuta taktiko aplikiĝas al tio, kion mi

nomis la *prepara periodo* por la socia revolucio. Post kiam oni ruinigis la burĝajn defendojn kaj reduktis la tutan socion al la stato de akcepto de la anarkiismaj doktrinoj, kaj kiam nur la socia revolucio ankoraŭ restas farota, tiam, por la fina bato, ne povas daŭri la agado malkuna. Sed tiumomente la libera socio jam estos preskaŭ alveninta; la aferoj jam staros alie. La taktiko, kiun mi aludas, koncernas nur la anarkiisman agadon meze de la burĝa socio, kiel nun, kiel ĉe la grupo, al kiu mi apartenis.

"Jen ĝi — finfine! —, la vera anarkiisma procedo. Kune, ni valoris nenion gravan, kaj, aldone, ni reciproke tiranis nin kaj ni malhelpis unuj la aliajn kaj niajn teoriojn.

"Ankaŭ malkune ni atingus malmulton, sed almenaŭ ni ne malhelpus liberon, ni ne kreus novan tiranecon; niaj atingoj, kiom ajn mulmultaj, estus efektivaj atingoj, sen malavantaĝo aŭ perdo. Kaj krome, laborante tiel, malkune, ni lernus fidi nin mem kaj ne atendi, ke la ceteraj plenumu niajn taskojn; ni lernus fariĝi tuj pli liberaj kaj prepari nin mem — kaj, per nia ekzemplo, la ceterajn — por la estonteco.

"Mi ekradiis de ĝojo pro tia malkovro. Mi tuj iris elmeti ĝin al miaj kamaradoj... Temis pri unu el la malmultaj stultaĵoj, kiujn mi faris en mia vivo. Imagu, mi tiel fieris pri mia malkovro, ke mi esperis ilian konsenton!...

— Ili ne konsentis, kompreneble...

— Ili reagis forpuŝe, mia amiko, ili ĉiuj reagis forpuŝe! Iuj pli ol aliaj, sed ili ĉiuj protestis!... Temas ne pri tio!... Tio ne povas esti!... Sed neniu diris, pri kio temas, aŭ pri kio povas temi. Mi argumentis kaj argumentis, kaj responde al mia argumentado mi ricevis nenion krom frazoj, rubaĵo, aferoj similaj al tio, respondata de la ministroj en la parlamentaj ĉambroj, kiam ili havas nenian respondon... Ĝuste tiam mi ekvidis, kun kiaj brutoj kaj poltronoj mi kuniĝis! Ili senmaskiĝis. Tia bandaĉo naskiĝis por sklavoj. Ili volis esti anarkiistoj je aliula kosto. Ili volis liberon, kondiĉe, ke la aliaj ĝin havigos al ili, kondiĉe, ke oni donos ĝin al ili tiel same, kiel reĝo donas titolon! Ili preskaŭ ĉiuj estas tiaj! Kiaj lakeoj!

— Kaj vi, ĉu vi ekbolis?

— Ho, kiom mi ekbolis! Mi furioziĝis! Mi fariĝis kolera kiel rabia hundo. Mi eksplodis kiel pulvo. Mi preskaŭ interbatiĝis kun du aŭ tri el ili. Kaj fine mi foriris. Mi izoliĝis. Vi eĉ ne povas imagi, kian naŭzon mi eksentis kontraŭ tia tuta ŝafaro! Mi preskaŭ malkonfesis anarkiismon. Mi preskaŭ decidis ne plu zorgi pri ĉio tia. Sed post kelkaj tagoj mi rekonsciiĝis. Venis al mi la penso, ke la anarkiisma idealo estas supera al tiaj kvereloj. Ĉu ili ne volis esti anarkiismaj? Mi mem estos tia. Ĉu ili volis nur ludi liberecanojn? Mi ne ludemis en tia afero. Ĉu ili ne havis forton por batali alie, ol atendante, ke la ceteraj plenumu

iliajn taskojn, kaj kreante inter si novan surogaton de la tiraneco, kiun memdire ili volis kontraŭbatali? Ili do tion faru, tiuj stultuloj, se ili taŭgis por nenio alia. Tamen mi ne estos burĝo pro tia bagatelo.

"Estis interkonsentite, ke, en vera anarkiismo, ĉiu devas, per siaj propraj fortoj, krei liberon kaj batali kontraŭ la sociaj fikcioj. Jen do: per miaj propraj fortoj mi kreos liberon kaj batalos kontraŭ la sociaj fikcioj. Ĉu neniu volis sekvi min sur la vera anarkiisma vojo? *Mi* iros laŭ ĝi. Mi iros sola, kun miaj rimedoj, kun mia fido, sena je eĉ la mensa subteno de miaj iamaj kamaradoj, kontraŭ la tutaj sociaj fikcioj. Mi ne diras, ke temis pri bela gesto, aŭ eĉ pri heroa gesto. Temis simple pri natura gesto. Se la vojon devus sekvi ĉiu malkune, mi bezonis neniun alian por sekvi ĝin. Sufiĉis mia idealo. Ĝuste surbaze de tiuj ĉi principoj kaj cirkonstancoj mi decidis, per mi mem, batali kontraŭ la sociaj fikcioj.

Li momente interrompis sian parolon, kiu jam fariĝis varma kaj fluida. Li ĝin rekomencis post nelonge per voĉo jam pli kvieta.

— Temas pri milita stato, mi pensis, inter mi kaj la sociaj fikcioj. Tre bone. Kion mi povas fari kontraŭ la sociaj fikcioj? Mi laboru sola, por ke mi neniel povu krei iun ajn tiranecon. Kiel

mi povas sola kunlabori por prepari la socian revolucion, por prepari la homaron por la libera socio? Mi devas elekti unu el du procedoj, el la du ekzistantaj procedoj; se, kompreneble, mi ne povos uzi ambaŭ. La du procedoj estas nerekta agado, t. e. propagando, kaj rekta agado ajnaspeca.

"Unue mi pensis pri nerekta agado, tio estas, propagando. Kian propagandon mi povus fari nur per mi mem? Krom tia propagando, kian oni ĉiam faras dum konversacio, kun tiu aŭ alia homo, hazarde kaj kaptante ĉian okazon, mi volis ja ekscii, ĉu nerekta agado estas vojo, laŭ kiu mi povus energie direkti mian anarkiisman agadon, tio estas, en maniero produktanta senteblajn rezultojn. Mi tuj vidis, ke tiel ne eblas. Mi ne estas oratoro kaj mi ne estas verkisto. Mi celas diri: mi kapablas paroli publike, se necese, kaj mi kapablas verki gazetan artikolon; sed mi ja volis konstati, ĉu mia natura temperamento indikos, ke, se mi specialiĝus pri nerekta agado, de iu ajn el la du specoj, aŭ pri ambaŭ, mi povus akiri *pli pozitivajn* rezultojn por la anarkiisma ideo, ol per specialigo de miaj klopodoj en iu ajn alia direkto. Nu, agado ĉiam estas pli profita ol propagando, krom por la individuoj, kies temperamento indikas ilin esence kiel propagandistojn — la elstaraj oratoroj, kapablaj elektrigi homamasojn kaj treni ilin malantaŭ si, aŭ la elstaraj verkistoj, kapablaj fascini kaj konvinki per siaj libroj. Ŝajnas al mi, ke mi

estas ne tro vanta, sed, se mi estas tia, mi almenaŭ ne emas vanti pri la kvalitoj, kiujn mi ne havas. Kaj, kiel mi diris al vi, mi neniam emis vidi en mi oratoron aŭ verkiston. Tial mi forlasis la ideon pri nerekta agado kiel irota vojo por mia anarkiisma aktiveco. Ekskludinte la nerektan, mi nepre devis elekti rektan agadon, tio estas, la klopodon, aplikatan al la praktiko de la vivo, al la reala vivo. Temis ne pri la intelekto, sed pri agado. Tre bone. Tiel estus...

"Mi do devis apliki al la praktika vivo la fundamentan procedon de anarkiisma agado, kiun mi jam klarigis — batali kontraŭ la sociaj fikcioj, ne kreante novan tiranecon, kreante, se tio eblus, iom de la estonta libero. Nu, kiel diable oni faras tion praktike?

"Nu, kio estas batali praktike? Batali praktike estas la milito, estas almenaŭ *iu* milito. Kiel oni militas kontraŭ la sociaj fikcioj? Antaŭ ĉio, kiel oni militas? Kiel oni venkas la malamikon en iu ajn milito? En unu el du manieroj: aŭ mortigante lin, tio estas, detruante lin; aŭ malliberigante lin, tio estas, submetante lin, reduktante lin al senaktiveco. *Detrui* la sociajn fikciojn povus ne mi; *detrui* la sociajn fikciojn povus nur la socia revolucio. Ĝis tiam, la sociaj fikcioj eble malfortikis, ŝanceliĝis, staris rande de pereo; sed ili *detruiĝus* nur per la alveno de la libera socio kaj la pozitiva falo de la burĝa socio.

Tiucele mi povis fari nenion alian, ol detrui — detrui en la fizika senco de mortigo — tiun aŭ alian membron de la klasoj reprezentantaj la burĝan socion. Mi studis la aferon, kaj mi vidis, ke tio estus azenaĵo. Supozu, ke mi mortigus unu aŭ du, aŭ dekduon da reprezentantoj de la tiraneco de la sociaj fikcioj... La rezulto? Ĉu la sociaj fikcioj malfortikiĝus? Ne. La sociaj fikcioj ne estas kiel politika situacio, kiu povas dependi de nur malgranda nombro da homoj, iafoje de nur unu homo. La malboneco de la sociaj fikcioj kuŝas en ili kiel tutaĵo, kaj ne en la individuoj, kiuj reprezentas ilin nur tial, ke tiuj reprezentas ilin. Krome, atenco de socia naturo ĉiam produktas reagon; ĉio restas senŝanĝa aŭ eĉ, pli ofte, fariĝas pli malbona. Kaj, aldone, supozu, ke, kiel estas kompreneble, post atenco oni min kaptus; ke oni min kaptus kaj iel neniigus. Kaj supozu, ke mi antaŭe frakasis dekduon da kapitalistoj. Kio venus de ĉio tia, resume? Kun mia neniiĝo, eĉ se ne per morto, sed per simpla malliberigo aŭ ekzilo, la anarkiisma afero perdus batalan elementon; kaj la dek du kapitalistoj, kiujn mi eventuale sternus, estus ne dek du elementoj, perditaj de la burĝa socio, ĉar la elementoj, konsistigantaj la burĝan socion, estas ne elementoj batalaj, sed elementoj pure pasivaj tial, ke la “batalo” sidas, ne ĉe la membroj de la burĝa socio, sed ĉe la aro da sociaj fikcioj, sur kiu baziĝas tia socio. Nu, la sociaj fikcioj ne estas homoj, al kiuj oni

povus pafi... Ĉu vi bone komprenas? Temus ne pri la soldato de armeo, kiu mortigas dek du soldatojn de kontraŭa armeo; temus pri soldato, kiu mortigas dek du civilulojn de la nacio de la alia armeo. Tio egalas al stulta mortigo, ĉar oni eliminas neniun batalanton... Mi do ne povis intenci *detrui*, tute aŭ ajnaparte, la sociajn fikciojn. Mi do devis submeti ilin, venki ilin, submetante ilin, reduktante ilin al senaktiveco.

Li subite direktis al mi sian dekstran montrofingron.

— Ĝuste tion mi faris!

Li tuj malfaris la geston kaj daŭrigis.

— Mi provis vidi, kiu estas la unua, la plej grava el la sociaj fikcioj. Ĝuste tiun mi devus, pli ol iun ajn alian, peni submeti, peni redukti al senaktiveco. La plej grava afero, almenaŭ de nia epoko, estas mono. Kiel submeti monon, aŭ, per pli precizaj vortoj, la forton, aŭ la tiranecon de mono? Igante min libera de ĝia influo, de ĝia forto, do supera al la influo, reduktante ĝin al neaktiveco koncerne min. Koncerne *min*, ĉu vi komprenas? ĉar tiam ĝin kontraŭbatalis ja *mi*; se mi ĝin reduktus al neaktiveco koncerne ĉiujn homojn, temus ne pri ĝia submeto, sed pri *ĝia detruo*, ĉar tio egalus al definitiva likvido de la fikcio mono. Nu, mi jam pruvis al vi, ke iu ajn socia fikcio povas esti "detruita" nur de la socia revolucio, kaj kuntrenita kun la ceteraj dum la disfalo de la burĝa socio.

“Kiel mi povus fariĝi supera al la forto de mono? Plej simple mi procedus, se mi foriĝus de ĝia influa sfero, tio estas, de civilizacio; se mi irus al iu kampo manĝi radikojn kaj trinki akvon el la fontoj; nudi kaj vivi kiel besto. Sed tio, eĉ ĝi fareblus sen malfacilaĵo, ne estus batali kontraŭ socia fikcio; ĝi eĉ ne estus batali: ĝi estus fuĝi. Efektive, kiu evitas fari batalon, ne malvenkas en ĝi. Sed morale li malvenkas, ĉar li ne batalis. La procedo devus esti alia — procedo batala, ne fuĝa. Kiel submeti monon, batalante kontraŭ ĝi? Kiel mi povus eskapi el ĝia influo kaj tiraneco, ne evitante ĝian renkonton? Ekzistis nur unu procedo — *akiri ĝin*, akiri ĝin en kvanto sufiĉa, por ne senti ĝian influon; kaj ju pli grandakvante ni ĝin akirus, des pli mi liberus de tia influo. Ĝuste tiam, kiam mi ekvidis tion ĉi klare, kun la tuta forto de mia anarkiisma konvinkiĝo, kaj mia tuta logiko de lucida homo, mi eniris la nunan fazon — la komercan kaj bankan, mia amiko — de mia anarkiismo.

Li momente ripozis de la perforto, denove kreskanta, de sia entuziasmo pro sia klarigo. Poste li daŭrigis, ankoraŭ kun certa ardo, sian rakonton.

— Nu, ĉu vi memoras tiujn du logikajn malfacilaĵojn, kiujn mi renkontis en la komenco de mia kariero de konscia anarkiisto, kiel mi diris al vi?... Kaj ĉu vi memoras, ke mi diris al vi, ke tiam mi ilin venkis nenature per sento, sed ne per

logiko? Tio estas, vi mem rimarkis, kaj tre bone, ke mi solvis ilin ne per logiko...

— Jes, mi memoras...

— Kaj ĉu vi memoras, ke mi diris al vi, ke poste, kiam mi finfine trafis la veran anarkiisman procedon, mi solvis ilin definitive, tio estas, per logiko?

— Jes.

— Nu, vidu, kiel ili estas solvitaj... Jen la malfacilaĵoj: ne estas *nature* labori por io, kio ajn ĝi estas, sen kompenso *natura*, tio estas, egoisma; kaj ne estas *nature* strebadi al iu ajn celo, ne sciante kompense, *ke tiu celo atingeblas*. Temis pri tiuj du malfacilaĵoj; nu, rimarku, kiel ili estas solvitaj per la procedo de anarkiisma laboro, kiu elmontriĝis, per mia rezonado, kiel la sola vera... De la procedo rezultas tio, ke mi riĉiĝas; jen do *egoisma kompenso*. La procedo celas la atingon de libero; nu, fariĝante supera al la forto de mono, tio estas, liberiĝante de tiu forto, *mi akiras liberon*. Estas vere, ke mi akiras liberon nur por mi; tamen, kiel mi jam pruvis al vi, libero por ĉiuj povas veni nur de la detruo de la sociaj fikcioj, per la socia revolucio, kaj mi, per mi mem, ne povas fari la socian revolucion. Jen la konkreta punkto: mi celas liberon, mi akiras liberon: mi akiras tian liberon, kian mi povas, ĉar, kompreneble, mi ne povas akiri tian, kian mi ne povas... Kaj vidu: krom la rezono, kiu determinas tiun

ĉi anarkiisman procedon kiel la solan veran, tio, ke ĝi aŭtomate solvas la logikajn malfacilaĵojn, kiujn oni povas kontraŭstarigi al iu ajn anarkiisma procedo, pli forte pruvas, ke ĝi estas la vera.

"Nu, ĝuste tian procedon mi sekvis. Mi metis manon al la tasko submeti la fikcion mono, riĉiĝante. Mi sukcesis. Kelkan tempon mi bezonis, ĉar grandis la lukto, sed mi sukcesis. Ne necesas, ke mi rakontu al vi, kia estis tiam, kaj ĝis nun, mia komerca kaj banka vivo. La rakonto povus esti interesa, precipe pri certaj punktoj, sed ĝi jam estas ekstertema. Mi laboris, luktis, gajnis monon; mi laboris pli, luktis pli, gajnis pli da mono; mi fine gajnis multe da mono. Mi agis senĝene rilate procedojn — mi konfesas al vi, mia amiko, ke mi agis senĝene rilate procedojn; mi faris uzon el ĉio havebla — akaparo, financa sofismo, eĉ nelojala konkurenco. Kio?! Se mi tiam batalis kontraŭ la sociaj fikcioj, antonomazie malmoralaj kaj kontraŭnaturaj, ĉu mi devus agi sinĝene rilate procedojn?! Se mi tiam laboris por libero, ĉu mi devus agi sinĝene rilate la armilojn, per kiuj mi batalis kontraŭ tiraneco?! La stulta anarkiisto, kia ĵetas bombojn kaj pafas, bone scias, ke li mortigas, kaj bone scias, ke liaj teorioj ne inkludas mortpunon. Li atakas malmoralaĵon per krimo, ĉar li opinias, ke la detruo de tiu malmoralaĵo valoras krimon. Li stultas koncerne la procedon, ĉar, kiel mi jam montris al vi, tia procedo estas malĝusta kaj

kontraŭefika *kiel anarkiisma procedo*; sed koncerne la *moralon* de la procedo, li inteligentas. Nu, mia procedo estis ĝusta, kaj mi, kiel anarkiisto, rajte helpis min per ĉiaj rimedoj por riĉiĝi. Hodiaŭ mi efektivigis mian limigitan revon de praktika kaj lucida anarkiisto. Mi liberas. Mi faras tion, kion mi volas, inter la limoj, kompreneble, de tio farebla. Mia devizo kiel anarkiisto estis libero; nu, mi ja havas liberon, tian liberon, kian, por la nuna momento, en nia neperfekta socio, oni povas havi. Mi volis batali kontraŭ la sociaj fortoj; mi batalis kontraŭ ili kaj, eĉ pli grave, mi venkis ilin.

— Atendu momenton! atendu momenton! — diris mi. — Ĉio tia  ŝajnas en ordo, sed ion vi ne vidis. La kondiĉoj de via procedo estis, kiel vi pruvis, ne nur krei liberon, sed ankaŭ *ne krei tiranecon*. Tamen vi kreis tiranecon. Kiel akaparisto, kiel bankiero, kiel financisto senskrupula — pardonu min, sed tion diris vi mem — vi ja kreis tiranecon. Vi kreis tiom da tiraneco, kiom iu ajn alia reprezentanto de la sociaj fikcioj, kiujn memdire vi kontraŭbatalas.

— Ne, kara amiko, vi eraras. Mi ne kreis tiranecon. La tiraneco, kiu eventuale rezultis de mia batala agado kontraŭ la sociaj fikcioj, estas tiraneco, kiu devenas ne de mi, kiun do kreis ne mi; *ĝi sidas en la sociaj fikcioj, mi ne aldonis ĝin al ili*. Tia tiraneco *estas la tiraneco mem de la sociaj fikcioj*; kaj mi nek

povus nek intencis *detrui* la sociajn fikciojn. Jam la centan fojon mi ripetas al vi: nur la socia revolucio povas *detrui* la sociajn fikciojn; antaŭ ol tio, la perfekta anarkiisma agado, kiel la mia, povas nur *submeti* la sociajn fikciojn, submeti ilin rilate nur la anarkiiston, kiu tiun procedon aplikas praktike, ĉar tiu procedo ne ebligas pli grandan submeton de tiuj fikcioj. Temas ne pri nekreado de tiraneco: temas ja pri nekreado de *nova tiraneco,* de tiraneco tie, *kie ĝi ne estis*. La anarkiistoj, laborante kune, influante sin reciproke tiel, kiel mi diris al vi, kreas *inter si*, ekster kaj flanke de la sociaj fikcioj, tiranecon; *tia* ja estas nova tiraneco. Tian kreis ne mi. Mi eĉ ne povus krei ĝin, *pro la kondiĉoj mem de mia procedo*. Ne, mia amiko; mi kreis nur liberon. Mi liberigis *unu*. Mi liberigis min. Temas pri tio, ke mia procedo, kiu estas, kiel mi pruvis al vi, la sola vera anarkiisma procedo, ne ebligis al mi liberigi pli da. Kion mi povis liberigi, mi liberigis.

— En ordo... Mi konsentas... Tamen prenu en konsideron, ke, laŭ tia argumento, vi preskaŭ kredigas, ke neniu reprezentanto de la sociaj fikcioj praktikas tiranecon...

— Li ja ne praktikas. Tiraneco venas de la sociaj fikcioj sed ne de la homoj, kiuj ilin personigas; tiuj estas, por tiel diri, *la rimedoj*, kiujn la fikcioj uzas por tirani, same kiel la tranĉilo estas la rimedo, kiun povas uzi la murdisto. Kaj vi certe ne

supozas, ke, aboliciinte la tranĉilojn, vi abolicias la murdistojn... Vidu... Detruu *ĉiujn* kapitalistojn en la mondo, sed *sen detrui la kapitalon*... En la sekva tago, la kapitalo, jam en la manoj de aliaj, pluigos, per *ĉi tiuj*, sian tiranecon. Detruu ne la kapitalistojn, sed la kapitalon; kiom da kapitalistoj restas?... Ĉu vi vidas?...

— Jes; vi pravas.

— Ho kara, la plej grava, la plej plej grava afero, pri kiu vi povas akuzi min, estas tio, ke mi iom — iometete — pligrandigas la tiranecon de la sociaj fikcioj. La argumento estas absurda, ĉar, kiel mi jam diris al vi, la tiraneco, kiun mi devus ne krei, kaj ne kreis, estas alia. Sed ĝi havas plian tiklan punkton: temas pri tio, ke, laŭ la sama rezono, vi povas akuzi generalon, kiu faras batalon por sia lando, ke li kaŭzas al sia lando la perdon de la nombro da homoj *el sia propra armeo*, kiujn li devis oferi, por venki. Bastono batas, bastono resaltas. Oni akiru la ĉefan aferon; la cetero...

— Tre bone... Sed rimarku ion alian... La vera anarkiisto volas liberon ne nur por si, sed ankaŭ por la aliaj... Ŝajnas al mi, ke li volas liberon por la tuta homaro...

— Sendube. Sed mi jam diris al vi, ke, per la procedo, kiu, laŭ mia malkovro, estas la sola anarkiisma procedo, ĉiu devas liberigi sin mem. Mi liberigis min; mi faris mian devon koncerne

samtempe min kaj liberon. Kial la ceteraj, miaj kamaradoj, ne faris la samon? Mi ne malhelpis ilin. Tio ja estus la krimo, se mi malhelpus ilin. Sed mi eĉ ne malhelpis ilin, kaŝante antaŭ ili la veran anarkiisman procedon; tuj kiam mi malkovris la procedon, mi tion klare diris al ĉiuj. La procedo mem malhelpis min fari pli. Kion plian mi povus fari? Ĉu devigi ilin sekvi la vojon? Eĉ se mi povus tion fari, mi ne farus, ĉar tiel mi forprenus de ili liberon, kaj tio kontraŭus miajn anarkiismajn principojn. Ĉu helpi ilin? Ankaŭ tio ne eblus, pro la sama kialo. Mi neniam helpis, aŭ helpas, iun ajn, ĉar tio egalas al malpligrandigo de alilula libero, kio ankaŭ kontraŭas miajn principojn. Vi ja riproĉas al mi, ke mi ne estas pli da homoj, sed nur unu persono. Kial vi riproĉas al mi la plenumon de mia liberiga devo ĝis la grado, en kiu mi povis ĝin plenumi? Kial vi, anstataŭe, ne riproĉas al ili, ke ili ne plenumis la sian?

— Konsentite, homo. Sed tiuj homoj ne faris tion, kion vi faris, kompreneble, ĉar ili estis malpli inteligentaj ol vi, aŭ malpli volfortaj, aŭ...

— Ha, mia amiko: tiuj estas jam la neegalecoj naturaj, ne la sociaj... Tiaj tute ne koncernas anarkiismon. La grado de inteligento aŭ de volo de iu individuo koncernas lin kaj la Naturon; en tian fremdan vazon la sociaj fikcioj ne ŝovas la nazon. Ekzistas naturaj kvalitoj, kiel mi jam diris al vi, kiuj

supozeble estas perversiĝintaj pro la longa restado de la homaro inter sociaj fikcioj; sed la perverseco sidas ne en la *grado* de la kvalito, kiun absolute donas la Naturo, sed en la *apliko* de la kvalito. Nu, demando pri stulteco aŭ manko de volo havas nenian rilaton al la apliko de tiuj kvalitoj, sed nur al ilia grado. Tial mi diras al vi: tiuj jam absolute estas la neegalecoj naturaj, kaj super tiuj neniu havas ian potencon, kaj nenia socia modifo povas ilin modifi, same kiel ĝi ne povas igi min alta aŭ vin malalta...

"Krom se... Krom se, koncerne tiujn ulojn, la hereda perversigo de la naturaj kvalitoj fariĝas tiel intensa, ke ĝi atingas la fundon mem de la temperamento... Jes, se iu ulo naskiĝas por esti sklavo, se li naskiĝas nature sklavo kaj do tute ne kapablas strebi al sia liberigo... Sed tiam... tiam... kian rilaton ili havas al la libera socio, aŭ al libero?... Se iu homo naskiĝis por esti sklavo, tiam libero, estante kontraŭa al lia naturo, estos por li tiraneco.

Fariĝis nelonga paŭzo. Subite mi ekridis laŭte.

— Efektive, mi diris, vi estas anarkiisto. Ĉiaokaze, estas ridige, eĉ aŭdinte vin, kompari vian eston kun tiu de la anarkiistoj renkonteblaj tie kaj tie...

— Mia amiko, tion mi jam diris al vi, tion mi jam pruvis al vi, kaj nun mi tion ripetu... Ekzistas nur jena diferenco: ili

estas anarkiistoj nur teoriaj, mi estas teoria kaj praktika; ili estas anarkiistoj mistikaj, kaj mi, scienca; ili estas anarkiistoj, kies genuoj fleksiĝas, mi estas anarkiisto, kiu batalas kaj liberigas... Unuvorte: ili estas pseŭdoanarkiistoj, kaj mi estas anarkiisto.

Kaj ni leviĝis de la tablo.




Kiam Pessoa kreis sian fikcian bankieron en 1922, li certe ne imagis aŭ eĉ ne revis, ke iam lia propra vizaĝo aperos sur nefikciaj bankbiletoj akapareblaj de nefikciaj bankieroj...
La 100-eskuda bankbileto kun lia portreto cirkulis inter la 26a de aŭgusto 1987 kaj la 31a de januaro 1992. Ĝis la 31a de januaro 2012 (do, en 20-jara limtempo) oni ankoraŭ povis ĝin ŝanĝi ĉe la Banko de Portugalio kontraŭ ĝia egalvaloro (0,50 eŭroj).

# POSTPAROLO[28]

**de José Antonio Llardent[29]**

[28] Ĉi tiu ampleksa teksto, plu interesa, malgraŭ sia eksdateco, aperas, sub la modesta titolo *Nota* (“Noto”), kiel postparolo de sam-aŭtora hispanigo de *La anarkiisma bankiero* (vd. Pessoa 1983: 61–79). Ankaŭ en du el ĝiaj piednotoj (n-roj 69 kaj 70 ĉi-eldone) la aŭtoro aludas ĝin kiel *nota*, kaj ankaŭ tie mi tiun vorton tradukis per “postparolo”. Ĉio aldonita de la tradukinto — vivdatoj, tradukoj de titoloj de verkoj, komentoj aŭ aldonoj ene de la teksto aŭ ene de la piednotoj — aperas inter nekursivaj rektaj krampoj. Ne sciante, al kiu(j) transiris la aŭtorrajtoj post la morto de Llardent, mi kontaktis la hispanan eldonejon Pre-Textos, kiu publikigis lian tradukon en la jam fora jaro 1983. Mi ja sendis al ĝi, je 2019-09-07, sub la adreso info@pre-textos.com, trovita ĉe ĝia retejo www.pre-textos.com/, permespetan retmesaĝon, kiu ricevis neniun respondon... Je 2019-10-03 mi resendis la mesaĝon, sed la eldonejo ĝin denove kvitancis per absoluta silento... Dume mi trovis, en la retejo de la hispana ĵurnalo ABC, familian memorigon pri la unua mortodatreveno de Llardent, datitan je 1988-06-29, kiu menciis la nomojn de la vidvino (María Luisa Castillero Abad-Pelayo) kaj de la filino (María Llardent Castillero). Mi esploris ĉe Fejsbuko kaj trovis konton de la vidvino, tamen neaktivan jam de 2013, kaj konton de la filino, ankoraŭ aktivan. Mi mesaĝis al ĉi lasta je 2019-09-14 kaj denove je 2019-10-03, sed ambaŭfoje ŝi mutis... Surbaze de la portugala (ĉu universala?) maksimo *Quem cala consente*, aŭ de la hispana *El que calla, otorga*, kiuj havas ekzaktan ekvivalenton en nia Proverbaro — “Silento estas konsento” (aŭ pli moderne, kaj malpli koncize, kiel konvenas en nia epoko de senenhava multvorteco: “Respondon ne donas, nenion oponas”) — kaj konsiderante, ke temas pri senpaga eldono reta, sena je iu ajn profita celo, mi malgraŭe decidis enmeti la tradukon. Min indulgu ĉiuj paganaj dioj pro tiela krimo! (*La trad.*)

[29] José Antonio Llardent (1925–1987), portugalisto, eldonisto kaj tradukisto katalundevena, denaske trilingva (portugale, hispane kaj katalune), naskiĝis en Portugalio (Oeiras) kaj loĝis en Lisbono, Tanĝero kaj Madrido, kie li mortis. Li hispanigis plurajn verkojn de

Fernando Pessoa finis la redakton de *La anarkiisma bankiero* januare de 1922 (tiel interrompante silentan periodon, kiu komenciĝis fine de 1917) kaj publikigis ĝin, komence de majo samjare, en la unua numero de *Contemporanea*.[30] La direktoro de la revuo, kiu intencis restarigi la estetikan aventuron de modernismo, entreprenitan de la grupo de *Orpheu* [“Orfeo”] en 1915, destinis al la teksto de Pessoa signifan lokon sur la unuaj paĝoj, inter reprodukto de la memportreto de Almeida Negreiros kaj *Poemas de Paris* [“Poemoj el Parizo”] de Sá-Carneiro.[31]

---

Pessoa kaj de aliaj portugalaj aŭtoroj (Antero de Quental, António Ramos Rosa k.a.). (*La trad.*)

30 Vol. I, numero 1 [p. 5–21], maje de 1922. Granda monata revuo, farita *“por civilizitaj homoj”* kaj ankaŭ *“por civilizi la homojn”* (laŭ la prezenta noto), kiu ĝuis relative longan vivon: ĝi ja atingis 22 numerojn kaj ne malaperis antaŭ 1926. Pri la ekzisto kaj tendencoj de ĉi tiu publikaĵo, vd. José Augusto França, “Nota sobre a Contemporânea” [Noto pri *Contemporanea*], en *Sema*, 3, Lisbono, aŭtune de 1979, p. 51–55.

31 La dirita direktoro, José Pacheco [1885–1934] (aŭ Pacheko, kiel li skribis en aliaj okazoj) memproklamita *“arkitekto per la graco de Dio”*, estis estiminda plastikisto, kiu kontribuis al la renovigo de la grafikaj artoj en Portugalio (pri lia grava rolo en la disvastigo de la portugala modernismo, vd., de la sama J. A. França, *O modernismo na Arte Portuguesa* [“Modernismo en la Portugala Arto”], Lisbono, Instituto de Cultura Portuguesa, 1979, precipe p. 76 kaj sekve). Pacheco antaŭe kunlaboris kun la grupo de *Orpheu*, en 1915, kiel aŭtoro de la kovrilo de la unua numero, sed fiaskis jam de la komenco

Kvankam tiam Fernando Pessoa estis jam verkisto, kiu per ĉiu el siaj tekstoj (eseoj, kronikoj, poemoj) estigis malordon aŭ koleron, aŭ eĉ skandalon, la apero de *La anarkiisma bankiero* ne naskis tian polemikon, kia estis atendebla kaj kian la aŭtoro sendube atendis; kurioze, ĝi ne havis publikan eĥon.[32] Estis

lia provo igi la revuon *Contemporanea* ia dua epoko de *Orpheu*, eble ĉar la celojn de la orfeanoj li kaptis nur supraĵe. Pessoa skribis en 1923, kiam kompletiĝis la tria jaro de la revuo: *"*[*Vi jam vidis la revuon* Contemporanea]. *Ĝi iel estas la sukcedanto de* Orpheu*: tamen, kia diferenco, kia diferenco! Tio aŭ alio memorigas pri la pasintaĵo; la cetero, la tuto...*" (*Cartas a* ["Leteroj al"] *Armando Côrtes-Rodrigues*, Lisbono, Inquérito, 1959, 2a eld., p. 118) [letero sendita je 1923-09-04, nun konsultebla ankaŭ ĉe http://arquivopessoa.net/textos/3021 (*La trad.*)]. Fakte, la tuto rezultis el evidenta nedifiniteco (kia, en malpli forta grado, antaŭe ekzistis ankaŭ en *Orpheu*), kaj la heterogeneco de la portugalaj kunlaborantoj iafoje estas vere surpriza; heterogeneco, kiu koncernis ankaŭ la alilandajn kunlaborantojn: ni renkontas [la italon] Marinetti apud Rachilde, kaj la hispanajn markizojn de Lozoya kaj Quintanar kune kun Valle-Inclán kaj Gómez de la Serna. Kiom rilatas al Pessoa, li plu kunlaboris sporade en *Contemporanea* ĝis ĝia malapero; tie li publikigis i.a. la poemojn *Soneto já antigo* ["Soneto jam antikva"] (n-ro 6) kaj la du versiojn de *Lisbon Revisited* ["Lisbono revizitita"] (n-roj 8 kaj 22), de Álvaro de Campos, same kiel *Mar Português* ["Portugala Maro"] (n-ro 4), kiu en 1934 konsistigos — kun variantoj — la duan parton de *Mensagem* [*Mesaĝo*, esperantigita de João José Santos kaj publikigita ĉe lia eldonejo Karavelo en 2018 *(La trad.)*].

32 Necesas nuanci la ideon, ke, ĝis sia morto en 1935, Pessoa estis nerimarkata de la medioj, kiuj stampis la lokajn famojn. Jam en 1922, kiam aperis *La anarkiisma bankiero*, li estis publikiginta — en minoritataj revuoj: ĝuste tiaj legataj en la rondoj stampantaj la lokajn famojn — tekstojn, kiuj sufiĉe elmontris lian rangon de eksterordinara verkisto. Tamen tiaj rondoj opiniis lin ekstravaganca skribmaniulo, afekciita de paranojaj simptomoj, pli atentinda kiel diskoniganto de drolaĵoj kaj sensencaj ismoj, ol kiel aŭtoro de konsiderinda verkaro.

reago nek inter la intelektuloj plej proksimaj al anarkiismo — ankoraŭ influa sur la portugalan sindikatismon komence de la 20aj jaroj —, nek inter la literaturaj medioj, kiuj kutimis perforte ataki ĉian manifestiĝon, prozan aŭ versan, de la pesoa parolo. Kiel klarigi la koincidan senintereson de unuj kaj aliaj pri ĉi tiu verko, unu el la plej provokaj de Pessoa? Se ni flankenmetos la

---

Laŭ ili, temas pri poeto (kaj eseisto), kiu de tempo al tempo 'estas novaĵo', pri kiu oni devas okupiĝi, ĉar per siaj spritaĵoj li animas la provincan monotonecon de la portugala literatura vivo. Kaj la fakto estas, ke tiam Pessoa ankoraŭ ne trovis la legantojn, al kiuj lia verkaro unuagrade destiniĝas. Temas pri klaso de legantoj — *ceux qui rendent le texte au texte* ["tiaj redonantaj la tekston al la teksto"] —, kiaj aperos nur post kelke da jaroj, kiam la revuon *Presença* fondos en Koimbro grupo da universitataj junuloj. Ĝuste iuj el ili — José Régio [1901–1969)], João Gaspar Simões, Adolfo Casais Monteiro [1908–1972]; baldaŭ poste, la franca portugalisto Pierre Hourcade [1908–1983 (detalojn pri liaj rilatoj al Fernando Pessoa donas Marques 2016; vd. ankaŭ Bréchon 2005: 9 kaj Pessoa 1982: 57, 63, 64, 85, 97, 108, 110) (*La trad.*)] — liveros, jam fine de la vivo de la poeto, la plej fruan skriban ateston pri legado de liaj tekstoj kaj ĉi tiujn malrapide proksimigos al la eblo de kolektiva malkovro. Tamen la malkovro ne komenciĝos antaŭ 1942: sep jarojn post lia morto kaj jam dudek post la publikigo de *La bankiero...* en *Contemporanea*. La laboron de ĉi tiuj pioniroj (inter kiuj li troviĝis) Pierre Hourcade aludis per jenaj vortoj: ili estis "*la atesto de unike lucida intuicio, kaj eĉ de rimarkinda valoro. Estas vere, ke ili privetis geniulon, sed temis pri geniulo avare elmontrinta sin kaj preskaŭ nepublikiginta. Ili transdonis de mano en manon broŝurojn kaj depresaĵojn malfacile troveblajn, ĉifitajn ekzemplerojn de efemeraj publikaĵoj kaj iafoje ankaŭ manuskriptojn. Kaj per ĉi tiuj nefirmaj elementoj, kaj antaŭ la skeptika aŭ moka rigardo de la plimulto, ili metis la fundamenton de monumento, kiun aliaj poste, sed dank' al ili, povis starigi*" (*Temas de literatura portuguesa* ["Temoj pri portugala literaturo"], Lisbono, Moraes, 1978, p. 157).

eblon, ja neverŝajnan, ke *La bankiero...* estis nerimarkata de tiaj legantoj, la silento probable klarigeblas per la preskaŭ tuja apero, ankaŭ en *Contemporanea*, de alia eseo samaŭtora, *António Botto e o ideal estético em Portugal* [“António Botto kaj la estetika idealo en Portugalio”],[33] kiu naskis pasian kaj senfinan debaton pri *Sodoma divinizada* [“Sodomo diigita”],[34] kaŭzis akrajn atakojn al li, kiel (supozata) defendanto de la “uranisma malvirto”, kaj tuj altiris al si la tutan atenton de liaj (literaturaj) malamikoj. Ŝajnas akcepteble, ke oni preferis polemiki kun

---

[33] Temas pri unu el la plej bone konceptitaj kaj plej bone strukturitaj kritikaj pecoj de Pessoa. Hodiaŭ ŝajnas nekredeble, ke ĝi kaŭzis tian debaton, kia sekvis ĝian publikigon; la primedito pri la verko de Botto estas nura preteksto (aŭ okazo), por ke li eldiru siajn ideojn — kiuj sin tenas je la kampo de pensado kaj poezio — pri la situacio de la estetikisto kaj de la helena idealo. (Verko reproduktita en *Páginas de Doutrina Estética* [“Paĝoj pri Estetika Doktrino”], Lisbono, Inquérito, (1946); p. 57–59. Estas pli freŝdata eldono en *Textos de crítica e de intervenção* [“Tekstoj de kritiko kaj interveno”], Lisbono, Ática, 1980, p. 119–131, sed preferindas konsulti la antaŭan, precipe pro la ĝenerala prologo de Jorge de Sena).

[34] Verko de la poeto kaj okultisto Raul Leal (1886–1964), publikigita en 1923 ĉe eldonejo Olisipo, kiu apartenis al Fernando Pessoa. Per tiu verko Leal memvole implikiĝis en la skandalon, kiun naskis la dua eldono de la poemaro *Canções* (“Kantoj”), aperinta en la antaŭa jaro, plume de la poeto, rakontisto kaj dramaturgo António Botto (1897–1959), en kiu ĉi lasta subtile sed eksplicite prikantas samseksemаn amon. En la polemikon implikiĝis, krom Pessoa kaj Leal, kiuj defendis Botto, ankaŭ la katolika ĵurnalisto Álvaro Maia kaj la estonta politikisto kaj diplomato Pedro Teotónio Pereira (1902–1972), kiuj atakis lin kaj liajn defendantojn (pri la polemiko vd. Barreto 2012; biografiajn detalojn pri Botto donas i.a. Aldrich/Wotherspoon 2001: 64–66). (*La trad.*)

Pessoa pri ĉi tiu nova temo (kiu ne postulis grandan dialektikan kapablon ĉe la kontraŭstarantoj, ĉar sufiĉis deloki la estetikan demandon kaj alvoki, kiel oni faris, sanktajn principojn moralajn kaj pri "socia higieno"), anstataŭ alfronti lin sur la specifa kampo de *La bankiero...*, kiu kuntrenis la klopodon — kaj la danĝerojn — devi diskuti, kun ia rigoro, la argumentojn de la perpleksiga pesoa rolulo. Tamen, ĉu pro tiu, ĉu pro alia kialo, la fakto estas, ke al la *La bankiero...* oni ne reagis siatempe, kaj post kelke da monatoj ĝi estis tute forgesita. Kaj tre longe ĝi restos forgesita de preskaŭ ĉiuj, kvankam ne — kiel ni vidos — de la aŭtoro, en la enfermiteco de la paĝoj de *Contemporanea*. La teksta retrovo de ĉi tiu *rezona rakonto* (aŭ, eble pli bone, dialoga eseo) okazis ja nur kvardek du jarojn post ĝia publikiĝo, kaj en tia maniero, ke eĉ hodiaŭ oni tiun retrovon ne povas opinii plene sukcesa.

* * *

Komence de la 60aj jaroj, Fernando Luso Soares, eseisto kun jurista edukiĝo, altirate de *"tia ĝisosta rezonulo, kia estis Pessoa"*, komencis traserĉi la keston de liaj nepublikigitaj verkoj kaj trovis kelke da detektivaj rakontoj (ĉiuj nefinitaj), pri kiuj oni ĝis tiam havis nur svagan scion. Li starigis ian rilaton — unuflanke koheran, aliflanke diskutindan — inter tiuj

rakontoj kaj la forgesita *La anarkiisma bankiero*, opiniante, ke la tuto respondas al difinita ĝenro, kiu cetere bone prezentis ian faceton de la aŭtoro. Temis pri la "rezona literaturo", en kiu kunekzistis du roluloj, d-ro Abílio Fernandes Quaresma kaj la sennoma bankiero/anarkiisto, kiuj uzis identan metodologion en siaj esploroj (kvankam — ni tion emfazu — kun tre diversaj celoj). La menciitan tuton Luso Soares publikigis en 1964 sub la titolo *O banqueiro anarquista e outros contos de raciocínio* ["La anarkiisma bankiero kaj aliaj rezonaj rakontoj"] (Lisbono, Lux), aldoninte al ĝi longan kaj sugestan enkondukon.[35] Preskaŭ

[35] Vd., kun negrandaj variantoj, la tekston "Introdução ao estudo da inteligência e da sensibilidade em Fernando Pessoa" [Enkonduko en la studon pri inteligento kaj sentemo ĉe Fernando Pessoa] en *A novela policial-dedutiva en Fernando Pessoa* [La detektiva-dedukta novelo ĉe Fernando Pessoa], Lisbono, Diabril, 1976, p. 117–135. En sia eseo, Luso Soares strukturas la fragmentojn de la detektiva fikciaĵo de Pessoa en tri ĉapitrojn ("O decifrador Quaresma e 'O roubo na Quinta das Vinhas' " [La deĉifranto Quaresma kaj 'La ŝtelo en Bieno de l' Vinberĝardenoj'], "A determinação psicológica do criminoso" e 'A carta mágica' " [La psikologia determino de la krimulo kaj 'La magia letero'] kaj "A determinação psicológica do criminoso e o 'Caso Vargas' " [La psikologia determino de la krimulo kaj la 'Afero Vargas']), kio ebligas koheran legadon de la tekstoj de ĉi tiuj nekompletaj verkoj. Estas interesa la komparo de la analizaj procedoj de Quaresma kun tiuj de la bankiero/anarkiisto, komparo, el kiu Luso-Soares tiras adekvatan ĝeneraligon: "*Ĉe Fernando Pessoa la teoriigo prezentis tiel dominan koordinaton, ke eĉ lia mesianismo havas racian bazon. La konceptoj elstariĝas el la propra objekto en abstraktiĝo konstanta, progresa, ĝis tia punkto, ke la enhavon laŭfaktan poiome anstataŭas enhavo laŭesenca ĉiam pli fora de realeco. Formiĝas figuroj pri logikaj entoj, kiuj devas ekzisti, kvankam ili ne ekzistas. Lia*

samtempe aperis sena represo de *La bankiero...*, zorge de Pedro Veiga (Petrus), sub la eldona marko Arte & Cultura, de Oporto; en ĝi enestis tre mallongaj, kvankam taŭgaj, "Notas, confissões e comentários" [Notoj, konfesoj kaj komentoj] de la aŭtoro, same kiel "Nota final" [Fina noto] de Petrus mem. La du publikaĵoj, tre baldaŭ elĉerpitaj, ŝajnis anonci la definitivan aligon de *La bankiero...* al la nombro da retrovitaj verkoj de Fernando Pessoa kaj, eble eĉ pli grave, ili povus signifi la komencon de kritika atento, kiun ĝis tiam ĉi tiu teksto ne havis. Ĉi-koncerne impresis instige pluraj akravidaj rimarkoj de Luso Soares, same kiel tiu aŭ alia indiko trovebla en la "Notoj, konfesoj kaj komentoj", kiujn Petrus kolektis; sume, ŝajnis evidente, ke la teksto havas kompleksan legadon kaj meritas pli detalan analizon. Tamen la kritika atento ne okazis, kaj la paradoksa pesoa rolulo baldaŭ revenis al sia situacio de duonekzilito. Kaj el tia situacio li (relative) eltiris sin nur dek du jarojn poste, dank' al Cleonice Berardinelli [n. 1916], elstara

*Super-Camões estas unu el tiuj estaĵoj: sena je ĉia historia enhavo, li rezultas el pura intelektigo. Tiel potencas la sinsekvo de liaj rezonoj, gradigitaj de unu argumento al alia, de unu literatura ekzistadisma donitaĵo al alia, ke malfacilas, aŭ eĉ maleblas, eskapi el la fina konkludo, kiel ajn absurda ĝi prezentiĝas*" (p. 132). Temas pri plivastigo (kaj nuancado) de la kriterio, kiun Luso-Soares, en sia intervjuo kun *Jornal de Artes e Letras* ["Arta kaj Beletra Ĵurnalo"] (III, 156, Lisbono, 23-9-1964, p. 1–4), adoptis por kunigi samvolumen la detektivan fikciaĵon kaj la verkon *La anarkiisma bankiero*.

fakulino pri Pessoa, kiu enprenis lin en la antologion *Obra em Prosa* [“Proza Verkaro”] (Rio-de-Ĵanejro, Aguilar, 1976). Tamen ankaŭ ĉi tiu brazila eldono, ne ĉiam facile havebla en Portugalio kaj longe senrepresa, ne sukcesis revivigi — per simpla prologa aludo al ĉi tiu teksto — la intereson de la specialistoj; ŝajne nur la ordinaraj legantoj emis doni atenton al *La bankiero...*, elĉerpante ĉiuokaze la disponeblajn ekzemplerojn.

La situacio malmulte ŝanĝiĝis de tiam. Hodiaŭ, plu ekskludita el *Obras Completas* [“Kompleta Verkaro”], kiun Ática komencis publikigi en 1942, *La bankiero...* pluigas sian necertan ekziston inter forgeso kaj malŝato. Joel Serrão ĝin lasis ekstere — sendube prave — de sia laŭdinda teksta kompilo, kvankam espereble li iam dediĉos al ĝi analizon, kiu certe povus klarigi signojn ĝis nun nur duonviditajn. Aliflanke, oni ne povas opinii konsiderinda kontribuo la antaŭnelongan portugalan represon fare de Antígona (Lisbono, 1981), kun limigita eldonkvanto, nun jam ekstermerkata kaj bedaŭrinde antaŭita de enkonduko — diskrete subskribita per la komenclitero K, *sine nomine vulgus*[36] —, kiu povas nur kontribui al deformita legado de la pesoa teksto. Tamen en la lastaj jaroj rimarkindas ankaŭ du esperigaj faktoj: la publikigo de zorga francigo de André Coyné

---

[36] *sine nomine vulgus* (latinaĵo): “la sennoma homamaso”. (*La trad.*)

[1927–2015] (la unua traduko de *La bankiero...* en *Exil* [“Ekzilo”], 8/9, Printemps-Été, 1978; p. 137–159) kaj la anonco de kritika pripenso, ŝajne ampleksa, ankaŭ de Coyné (primedito, kiu, laŭ nia scio, ankoraŭ ne publikiĝis). Eble la eksterlandiĝo prezentos stimulon, por ke iuj el la jam multnombraj pesoistoj komencu la aŭtentan retrovon de ĉi tiu minora (kaj tamen tre signifoplena) verko de Fernando Pessoa.

* * *

*La anarkiisma bankiero* evidente estas dialoga eseo pri la “libera asocio de egoistoj” rekomendita de Max Stirner. La dialogo, direktita per analiza-dedukta procedo, konstruiĝas per sinsekvaj demandoj kondukantaj al la elmontro de ‘falsaj scioj’ kaj, sekve, al ia redifinado, kiu siavice estigas novajn demandojn, kaj ĉi lastaj fine ‘prilumas’ — kiel en la sokrata modelo — la transiron de la dubo al la konkludoj. Sed la fina konkludo esprimiĝas per redukto al absurdo, ĉar tia certe estas la situacio, kiun alprenas la protagonisto, post kiam li konvinkiĝis — kaj provis konvinki nin — ke (*“la ebla”*) libero baziĝas sur la *“neegalecoj naturaj”*, kiaj *“tute ne koncernas anarkiismon”*. Temas do pri kritiko pri la Stirner-stila liberecanismo per psikosociologia primedito pri ĝia praktiko el

la vidpunkto de la rakontanto-protagonisto, identeco klare starigita, kiam aŭtoro kaj rolulo fine kunfandiĝas, por alpreni elnodiĝon jam senrespondan.

Tiel, laŭ Pessoa, la bankieriĝo de certa anarkiisto — ĝuste tiu, kiu sin prezentas al ni kiel la solan *"veran anarkiiston"* kaj samtempe *"la plej energian kaj inteligentan en la grupo"* — estas la rezulto de tio, ke oni kondukas al ĝiaj lastaj logikaj sekvoj la doktrinon de Stirner; alivorte, oni komprenu, ke tia doktrino estas absurda, ĉar fine ĝi entenas fundamentan kontraŭdiron, esprimatan sub la formo de paradokso. Ĉi tio, tuj komprenebla al la leganto, ne bezonus detalan komenton, se la vortoj 'kontraŭdiro' kaj 'paradokso' ne havus tre precizan sencon en la pesoa pensado kaj tial ne postulus klarigadon por tiuj ne familiariĝintaj kun la ortonima kaj heteronima verkaro kiel tuto. Tian sencon ni provos serĉi per antaŭa digresio kaj, ekde ĝi, per la mallonga kaj skema (t.e. deformita) eldiro de kelkaj punktoj jam rekte rilatantaj la serĉon.

La verkoj de Fernando Pessoa proponas falsan travideblon; kiel rimarkigis António Ramos Rosa; en ili la signifo nedeterminiĝas, superkreskas la semantikan unuvoĉecon, kvankam ĝi prezentiĝas kun la trajtoj de la klasikaj

verkoj.[37] Laŭ Jacinto do Prado Coelho, la pesoa parolo plenumas sin *"lasante liberan kuron al siaj diversaj lingvaĵoj, serĉas sin en la eltrovo de la multobla esprimo, 'kiel ia nenio laboranta en la nenio', laŭ la sugesta frazo de Hegel. Iasence do la verkaro [...] de Pessoa, kun sia gamo da esprimaj virtualoj kaj esenca ambiguo, estas mirinde aperta"*.[38]

Nu, la esenca ambiguo ne malhelpis, ke Pessoa estu, en ĉiu el siaj diversaj lingvaĵoj, kaj antaŭ ĉio — laŭ sia konata memdifino — ,*"sendisciplineganto de animoj"*.[39] Kaj kiel verkisto, seneksklude ekzercanta ĉi tiun superan leĝrompan formon, li *"dediĉis sian vivon al renverso: ĉe si, ĉe siaj amikoj, ĉe siaj samtempanoj, ĉe la venontaj generacioj"*.[40] Li komencis per forĵeto, rilate al si mem, de la dogmo pri tio, ke la individua ekzisto realiĝas per unu sola personeco, kaj li plej detrue agis sur ĉion, kio prezentiĝas al ni kiel *certeco pri unusenceco*, tute

37 *Poesia, Liberdade Livre* ["Poezio, Libera Libero"], Lisbono, Moraes, p. 38–41.

38 "Tópicos para uma leitura" ["Temoj por legado"], en Fernando Pessoa, *Páginas de estética e de teoria e crítica literárias* ["Paĝoj pri estetiko kaj literaturaj teorio kaj kritiko"], Lisboa, Ática, 1973, p. xxi.

39 Fernando Pessoa *Cartas a Armando Côrtes-Rodrigues*, p. 105. Tiun ĉi memdifinon oni iafoje prenis por difino de Jorge de Sena, eble pro la titolo de iu eseo de Sena pri Pessoa; vd. la tuj sekvan noton.

40 Jorge de Sena , "Fernando Pessoa, indisciplinador de almas (uma introdução à sua obra em prosa)" [Fernando Pessoa, sendisciplineganto de animoj (enkonduko en lian prozan verkaron)], en *Fernando Pessoa & C.ª Heterónima* ["Fernando Pessoa kaj Heteronima Kompanio"], 2 volumoj, Lisbono, Edições 70, 1982, p. 81.

egale, ĉu ĝi kontraŭas aŭ ne tion kutiman. Li provis — laŭlitere — renversi ĉian specon de 'sekureco', kian havigas la unuflanka percepto de la aĵoj. 'Nenio estas certa', 'nenio estas vera' konsistigas principojn de sendisciplino, kies reflektojn ni konstante vidas en lia verkaro, kaj kiuj pelas nin al sinteno instiganta nin allasi, pli ol la neadon mem, aldonajn realaĵojn, krom la tuj percepteblaj: *tio ekzistanta* havas plurajn vizaĝojn, estas multobla — jen la unua diraĵo de la poeto.

La multeco formiĝas ĉe Pessoa kiel *dramo en personoj*, ene de kiu neniu el la voĉoj (aŭ heteronimoj) posedas privilegion super la ceteraj. Eĉ ne — necesas tion konsideri — tiu de la ortonima Fernando Pessoa: ĝi estas — aŭ la poeto mem volis, ke ĝi estu — plia voĉo, sen statuso de pli granda 'sincero' ol tiuj de Caeiro, Reis aŭ Campos (se mencii nur la plej konatajn voĉojn). Kaj nur *"en la tuto, en ĝiaj kontraŭdiroj, ni povas trovi la vizaĝon de Pessoa [...]. Lian verkaron oni povas kompreni nur en la vigla tuto de liaj roluloj aŭ, se oni preferas, de liaj memkontraŭdiraj personecoj"*.[41]

[41] Teresa Rita Lopes, *Fernando Pessoa et le drame symboliste* [Fernando Pessoa kaj la simbolisma dramo], Parizo, F. Gulbenkian, 1977, p. 226. Ĉi tiu studo estas esenca por la kompreno de Pessoa kiel drama tuto, la sistemo, en kiu ĉiu elemento plene estas ĝi mem per sia profunda rilato al la ceteraj.

Tamen nenia komprena provo forgesu, krome, ke la pesoa *dramigo* deiras de la supozo, ke “ŝajnigi estas koni sin”, kio ekskludas ‘sinceron’ en la konvencia senco. En liaj *“duobligoj de personeco, aŭ pli bone, elpensoj de malsamaj personecoj* — asertas la poeto en teksto nepre necesa por entrepreni iun ajn kritikan legadon de *La bankiero...* — *estas du gradoj aŭ tipoj, kiujn elmontras du malsamaj trajtoj. En la unua grado la personeco distingiĝas per propraj ideoj aŭ sentoj, diferencaj de la miaj, tiel same kiel, sub ĉi tiu grado, ĝi distingiĝas per ideoj, rezonoj kaj argumentoj, kiuj ne estas miaj, aŭ kiujn mi ne konas, se ili estas tiaj.* La anarkiisma bankiero *estas ekzemplo de la malsupera grado*; Libro de malkvieto *kaj la rolulo Bernardo Soares apartenas al la supera grado”*.[42] Nu, en sia ŝajnigo la aŭtoro sin ekkonas kaj krome konigas; kaj li sin konigas, kvankam alivorte kaj (eble) alicele, ene de propra prezento, proksima al tiu de la malarmea[43] enscenigo. Prezento, kies espriman rimedon preskaŭ ĉiam determinas *ironio*: diri la aferojn tiel *“ke oni ne povas malkovri la duan sencon de la teksto per iu ajn el ĝiaj vortoj, kvankam ĉi tiu dua senco*

[42] Fernando Pessoa, *Páginas íntimas e de autointerpretação* [Fernando Pessoa, Intimaj kaj meminterpretaj paĝoj], Lisbono, Ática, s.d., p. 105.

[43] **malarmea**: rilata al la vivo kaj verkaro de la franca poeto kaj literatura kritikisto Stéphane (vernome Étienne) Mallarmé (1842–1898). Pri la graveco de lia verkaro vd. Waringhien 1956. (*La trad.*)

*deduktiĝas de tio, ke ne eblas, ke la teksto volas diri tion, kion ĝi diras”*.[44]

Post ĉi tiuj preparaj konsideroj, ni provos proksimiĝi pli rekte al la valoroj, kiujn kontraŭdiro kaj paradokso ŝajne havas, laŭ Pessoa, kaj tiucele ni limigos nin al hasta esploro pri iuj el iliaj alirebloj, kiujn la legado de la poeto prezentas al ni.

> — En la pensado de Pessoa la formoj de kontraŭdiro posedas profundan signifon; oni povas diri eĉ, ke — laŭ la verkaro ĝis nun konata — ili prezentas ian *lastan* signifon. Ĉio supozigas, ke laŭ Pessoa la unua kaj radikala kontraŭdiro konsistas en la *“duobla ekzisto de vero”*. Poezio, kaj ankaŭ prozo, iel aŭ tiel atentigas pri tio, ke *“ĉio, vidata de ni, estas alia afero. La vasta tajdo, la tajd' avida / estas eĥo de alia tajdo, kiu sidas tie, / kie realas la mond' ekzistanta”*;[45] duobla situo, kiu starigas konstate kontraŭdiran rilaton kaj kutime formuliĝas kiel “ĉeesto de foresto”, iu troviĝo de tio estanta en tio neestanta.

> — Ene de la pesoa parolo, estaĵo kaj ne-estaĵo ĉiam troviĝas en interdependo, kiu reproduktas ĝuste tion, kio

[44] Citita de Jorge de Sena en *Fernando Pessoa & C.ª Heterónima*, I, p. 78.
[45] Fernando Pessoa, *Obra Poética* [“Poezia Verkaro”], Rio-de-Ĵanejro, Nova Aguilar, 1982, p. 621–622.

la aĵoj "reale estas", dum ili ekzistas. Sed, laŭ Pessoa, kio ili ja estas? Jam en 1906, kiam li aĝis dek ses jarojn, la poeto asertis, ke *"la estaĵo determiniĝas kiel estaĵo kaj ne-estaĵo, ĉar la principo pri negativeco estas la centro de nia inteligento; de tie venas la principo pri kontraŭdiro"*.[46] Poste, Raphael Baldaya (malmulte konata heteronimo) ne intencis — evidente — solvi la nesolveblan demandon, sed en sia *Tratado da Negação* ["Traktaĵo pri Neado"] (nefinita kaj nepublikigita) li eksplikas, ke, laŭ li, realas ĉia mensa konstruo, ĉar nenio povus esti pensata, se ĝi ne estus, ĉar ĉio pensebla fariĝas estaĵo, kaj *"la ne-estaĵo, pensate, estas"*.[47] La sama Baldaya nelonge klarigas la procezon, per kiu, *"laŭmezure, kiel ĝi kreas sin, la estaĵo neas sin kaj kreas la ne-estaĵon. Kaj ĉar la ne-estaĵo antaŭas la estaĵon, la neado, kiun la estaĵo faras pri si mem, estas kreado (se tiel diri)"*; sekve — li aldonas — ĉio ekzistanta *"implicas kontraŭdiron, ĉar ĝi implicas estaĵon kaj ne-estaĵon"*.[48]

[46] Fernando Pessoa, *Textos Filosóficos* ["Filozofiaj Tekstoj"], 2 volumoj, Lisbono, Ática, 1968; II, p. 91 (anglalingva originalo).
[47] Samverke, I, p. 43.
[48] Samverke, I, p. 43–49. Finfine — li poste klarigas — *"la neado konsistas en tio: helpi la manifestaĵon manifestiĝi pli, ĝis ĝi dissolviĝas en ne-estaĵon"*.

— Manuel Antunes, rimarkigante certajn platonajn radikojn (kiujn eble, rigore konsiderante la faktojn, oni devus taksi novplatonaj) en la pensado de Pessoa, nomis lian mondpercepton *“radikala kaj definitive dualisma en ĉiuj sferoj [...], de la metafizika ĝis la antropologia, de la psikologia ĝis la historia”*.[49] Kaj ĝuste sur ĉi tiu kampo de dualeco kiel manifestiĝo de realo la diversaj aŭtoroj de la *dramo en personoj* ekluktas — ĉiu el ili ene de si kaj ĉiuj inter si —, por serĉi kaj riveli per la vorto (proze aŭ verse) tion, kio la aĵoj estas; ne nur la vizaĝon, kiun ili proponas al ni, sed ankaŭ la malan, la nevidatan de ni, la *kaŝitan*. La du ja estas realaj (kaj do nerealaj), sen tio, ke unu el ili povas aparte starigi bildon pri realeco (aŭ nerealeco), ĉar *tio ekzistanta* estas ĉiu el ili, estas la kontraŭdiro inter ili.

— La kontraŭdiro — tion oni bone memoru dum ĉiu legado de Pessoa — ne solviĝas (ĉar, en realo, ĝi *ne* povas solviĝi) en sintezon. Persona noto, datiĝanta de 1915, tian neeblaĵon klare esprimas: *“Ĉiu opinio estas tezo, kaj la mondo, la manko de veraĵoj, plenplenas de opinioj. Sed al ĉiu opinio respondas kontraŭopinio, kiu la antaŭan*

[49] “O platonismo de Fernando Pessoa” [La platonismo de Fernando Pessoa], en *Brotéria*, LXXVIII, 2, Lisbono, februare de 1964, p. 140.

*kritikas aŭ komplementas. En la realeco de la homa pensado, kiu estas esence fluktua kaj necerta, kaj la elementa kaj la mala opinio estas nestabilaj en si mem; ĉe la aĵoj estas do ne sintezo [...] sed tezo kaj antitezo. Eble nur la dioj povus sintezi".* [50] José Augusto Seabra rimarkigis — kaj estas trafe reprodukti ĉi tie lian rimarkigon —, ke la kontraŭdiro ĉe Pessoa inkludas la sferon de la politika-sociaj opinioj, kaj citinte verkon, en kiu la poeto sin asertas samtempe monarkiista kaj respublikana kaj fine sin deklaras *"anglastile konservativa, t.e., liberala ene de konservativismo kaj absolute kontraŭreakcia"*, Seabra komentas*:"Analizo, eĉ se rapida, pri ĉi tiu teksta fragmento tuj rivelas la logikan strukturon de la subkuŝanta kontraŭdiro: la apudmeto de du reciproke kontraŭdiraj terminoj la kontraŭdiron tute ne eliminas, nek superas, ĉu laŭ la aristotela logiko per la principo pri nekontraŭdiro, ĉu laŭ la hegela logiko per neado de la neado, kaj tiuj du terminoj kunekzistas: monarkiista kaj respublikana, konservativa kaj kontraŭreakcia — jen perfekta* coincidentia oppositorum*"*.[51] Benedito Nunes rimarkigas ĉe Pessoa la

[50] Fernando Pessoa, *Textos filosóficos*, I, p. 3–4.
[51] José Augusto Seabra, "Poética e política em Fernando Pessoa" [Poetiko kaj politiko ĉe Fernando Pessoa], en *Persona* ["Persono"], I, Oporto,

konstanton *"starigi antitezojn, bazi siajn kontraŭdirojn, sen teni sin je la kantia bilanco de la antinomioj aŭ sen antaŭeniri ĝis la hegela sintezo, laŭ kiu oni neas la kontraŭojn aŭ samtempe jesas ilin"*; kaj tiuj ĉi estas, laŭ Nunes, *"la principoj de la* granda arto *de la filozofo, kiujn Pessoa mem jene resumis, kvazaŭ temus pri probabla enkonduko al verkoj, laŭ li portantaj kontraŭopiniojn kaj ekzercojn pri senmaskigo: 'Al la certeco, kun kiu ĉiu pensas, konvenas kontraŭmeti la certecon, kun kiu oni povas pensi la malon, per kio oni sukcesas igi logika la absurdon.' "*[52]

— 'Absurdo', laŭ Pessoa, estas vorto evidentiganta la mankon de akordo — la kontraŭdiron —, en kiu konsistas, en si, la aĵoj (ne povantaj konsisti alie). Li

novembre de 1977, p. 12. [*coincidentia oppositorum* (latinaĵo): "koincido de la kontraŭoj" (*La trad.*)]

52 Benedito Nunes, "Poesia e filosofia na obra de Fernando Pessoa" [Poezio kaj filozofio en la verkaro de Fernando Pessoa], en *Colóquio/Letras* ["Kolokvo/Beletro"], 20, Lisbono, julie de 1974, p. 26. Ene de ĉi tiu konceptigo, Pessoa defendas, en siaj *Prolegómenos* ["Prolegomenoj"], ke *"la eraro [...] estas aserto pri tio, ke ekzistas la neekzistanta. Vero estas do [egala al] ekzistado*" (*Textos filosóficos*, II, p. 87). Tio, kompreneble, kondukas al starigo de sama ekzistadisma statuso por realeco kaj nerealeco, kio tamen ne evitas, ke unu kaj la alia prezentiĝas al ni nedeterminite, ĉu kiel 'vivo', ĉu kiel 'sonĝo'. Ĉi tio aparte percepteblas en *O Marinheiro* ["La maristo"] kaj *A floresta do alheamento* ["La arbaro de fremdigo"], kie nerealo akiras eĉ pli da intenso ol realo.

opinias, ke, se ni ilin atente kontemplos, ni vidos, ke *"ne ekzistas alia kriterio pri vero, ol tiu de la neakordo kun si mem. La universo ne akordas kun si mem, ĉar ĝi pasas. La vivo ne akordas kun si mem, ĉar ĝi mortas. Paradokso estas la tipa formulo de la naturo. Tial ĉiu veraĵo havas paradoksan formon".*[53] Tiel, ĉe Pessoa, paradokso ne konsistigas signon de absurdo (konvencie komprenata); ĝi prezentas la kunekziston de neakordigeblaj terminoj reciproke kontraŭdiraj, kiuj tamen havas sencon: tiun de la kontraŭdiro en si, kiu estas la manifestiĝo de *ĉio* ekzistanta en realo. La tuto de la verkaro de Pessoa (de egale *neakordigebla* diverseco/unueco, kiel rimarkigis — antaŭ ol ĉiu alia — Jacinto do Prado Coelho) ĉiam tenas strukture kaj funkcie ĉi tiun specon de "paradoksa veraĵo". Pessoa estas disstreĉiteco inter intuicio, kiu lin kondukas al grandaj esploroj per la hermeta vojo, kaj senindulga racio, aktiva eĉ kiam intuicio ŝajnas ĉion regi; sed unu kaj la alia troviĝas en tia situacio de ekvilibro, kaj ĉiu el ili montriĝas tiel nekapabla decide altrudi sin al la alia, ke ili determinas, kune kaj neakordigeble, la pesoan dramon. *"Se la mondo, kiel Pessoa ĝin vidas, estas nekongrua, kiel*

[53] Fernando Pessoa, *Páginas íntimas*, p. 218.

*do la poeto mem, memkontraŭdira kaj absurda, povos ne uzi paradokson por esprimi kaj esprimiĝi?"*.[54]

— La verkaro de Pessoa kaj de liaj heteronimoj (inkluzive de Caeiro, kvankam en malpli granda mezuro) prezentas esceptan abundon da lingve koditaj kontraŭdiroj, kio ne povus ne veki la intereson de kelkaj fakuloj pri la pesoa verkaro. Jam en 1968, Roman Jakobson kaj Luciana Stegagno-Picchio atentigis pri la unuarangeco de oksimoro en lia ortonima kaj heteronima poezio, konsiderante, ke temas pri grava fakto.[55] Pli freŝdate, Arnaldo Saraiva rimarkigis la ripetadon de ne malpli ol dek ĉefaj figuroj, krom paradokso mem, kaj sagace substrekis, ke ĉi tiuj figuroj la esprimadon tiel ŝpinas, ke *"ili kruciĝas, reciproke sin apogas, akumuliĝas, intermiksiĝas"*.[56] Ili ja konsistigas ne nur "manieron",

[54] Jacinto do Prado Coelho, *Diversidade e unidade em Fernando Pessoa* ["Diverseco kaj unueco ĉe Fernando Pessoa"], Lisbono, Verbo, 1980 (8a eld.), p. 149.

[55] *Ensayos de poética* ["Eseoj pri poetiko"], Madrido, F.C.E., 1977, p. 235 kaj sekvaj.

[56] "O paradoxo Pessoa" [La paradokso Pessoa], en *Actas do I Congresso Internacional de Estudos Pessoanos* ["Protokoloj pri la Unua Internacia Kongreso de Pesoaj Studoj"], Oporto, Braziljo, 1979, p. 149. Arnaldo Saraiva substrekas, ke *"ĉe Pessoa, la uzo de la substantivo* paradokso *kaj de la adjektivo* paradoksa *ŝajne inkludas ankaŭ la semantikan kampon de oksimoro, kiu, se oni rigore*

“artisman” lingvaĵon — en la lotmana[57] senco —, uzatan en la ekzercado de la persona talento (kiel ĉe Wilde); ili obeas imperativon de la parolo kaj do manifestas sian sencon: ili signas la manieron, en kiu la aŭtoro de la teksto komprenas la mondon en ĝia tuta estaĵo kaj en la estaĵo de ĉiu el ĝiaj elementoj.

Averso/reverso, ene/ekstere, supraĵo/profundaĵo, vivo/sonĝo, pli proksime/pli malproksime; laŭ Pessoa nenio estas “absolute reala” ekster ĉi tiu memkontraŭdira rilato, en kiu la aĵoj ekzistas kaj estas, kaj kiu ne lasas sin solvi en dialektiko direkte al la Unikaĵo.[58] Ĉar *“Dio ne havas unuecon”* — asertas la poeto —,[59] oni ne povas ĝin trovi ankaŭ en la propra persono. Kaj el tia interna kaj ekstera fragmentiĝo, kiel determini la elementon, kiu signifus la tuton, la tuton, kiu fine ne estas? Jen

*konsideras la faktojn, distingiĝas de paradokso tial, ke en ĝi la du reciproke kontraŭdiraj terminoj tenas ian ekvilibron aŭ la saman amplekson (ĉe paradokso povas ekzisti malekvilibro), ĉar ili estas kuntuŝaj aŭ interproksimaj kaj koncentritaj aŭ kuntiritaj (ĉe paradokso ili estas apartigitaj aŭ disvolvitaj, aŭ unu el ili estas esprimita perifraze)”* (p. 150).

[57] **lotmana**: rilata al la vivo kaj verkaro de Juri Lotman (1922–1993), rusdevena estona semiologo kaj kulturhistoriisto. (*La trad.*)

[58] *“La vojo direkte al Dio kiel Unikaĵo estas neebla kaj sensenca, ĉar Dio estas iluzio por Pensado [...], estas la Supera Mensogo”*; vd. Raphael Baldaya en Fernando Pessoa, *Textos filosóficos*, I, p. 42.

[59] Fernando Pessoa, *Obra Poética*, p. 406.

demando kun implicita respondo: Pessoa neniam decidiĝos al tio aŭ alio, ne rekunmetos la "fatalajn" fragmentojn, kiuj ja estas. Li provos ilin ĉiujn senti kaj pensi "sen iu ajn sentimentalo": *"Mi estas senpartia kiel la neĝo / Mi neniam preferis la malriĉan al la riĉa, / same kiel mi neniam preferis ĉe mi ion ajn al io ajn"*.[60] Kaj kun tia senpartieco li la aĵojn sentos tiom kun la "parola kaj racia inteligento", kiu ebligas aliri la videblan vizaĝon, kiom kun la "analogia inteligento", kiu per la simboloj ebligas duonvidi la kaŝitan vizaĝon. Ververe, li atendos la miraklon de iluminiĝo, kiu rivelos al li la tuton en ĝia harmonio, kaj pri kiu li tamen scias, paradokse, de ia komenco, ke ĝi ne venos; kaj tiel — tion diras Álvaro de Campos — li ĉiam estos *"tiu, kiu atendis, ke oni malfermu al li la pordon apud muro senporda, / Kaj kantis la kanton de l' Infinito en kokinejo, / Kaj aŭdis la voĉon de Dio en puto ŝtopita"*.[61] Li sin konsumos en la entrepreno, ĉar *"la vivo havas ne la naturon de lumo, sed la naturon de fajro"*.[62] Li devos plenumi jenan destinon: *"agnoski veron kiel veron kaj samtempe kiel eraron; vivi la kontraŭojn, ne akceptante ilin; ĉion senti ĉiel kaj ne esti, fine, pli ol la kompreno de ĉio"*.[63]

[60] Álvaro de Campos, "Contudo, contudo..." [Tamen, tamen...], samverke, p. 338.
[61] Álvaro de Campos, "Tabacaria" [Tabakvendejo], samverke, p. 298.
[62] Fernando Pessoa, *Textos filosóficos*, I, p. 176.
[63] Fernando Pessoa, *The way of the serpent* ["La vojo de la serpento"] (verko nefinita kaj neeldonita), en António Pina Coelho, *Os*

Kompreno, laŭ kiu la bankiero/anarkiisto plu estos paradokso — la sola vero — ĝis la fino de siaj tagoj, simbola — kaj do reala — kontraŭdiro pri la neevitebla kontraŭdiro de ĉio. Destino unika, eble netolerebla pro la intenso de la paradokso mem, ĉar *"kiam homo leviĝas al tia kulmino, li liberas kiel ĉiuj kulminoj, li solas kiel ĉiuj kulminoj, li estas unuigita al la ĉielo, al kiu li neniam estas unuigita, kiel ĉiuj kulminoj"*.[64] Ekzistado sen ŝlosilo, kapabla respondi la demandon formulitan al la Nokto en 1914: *"Kiu mi estas?"*.[65] *"Mi estas la paradokso"*, li respondos en 1935.[66] Destino, kiu finiĝos en lasta kontraŭdiro: la ago nei sin, sekvante la vojon de la simbola serpento de la "Granda Mistero" kaj, post la "Supera Revelacio", neniigi sin mem, trenate de memtento.[67]

---

*fundamentos filosóficos da obra de Fernando Pessoa* ["La filozofiaj fundamentoj de la verkaro de Fernando Pessoa"], Lisbono, Verbo, 1971, I, p. 76 n.

[64] Samverke, I, p. 77 n.

[65] Álvaro de Campos, "Dois excertos de odes" [Du eltiraĵoj de odoj], II, en *Obra Poética*, p. 248.

[66] Fernando Pessoa, "Formação cultural [Kultura edukiĝo] (Carta a [Letero al] José Osório de Oliveira)", en *Páginas de doutrina estética.*, p. 299.

[67] Fernando Pessoa, *The way of the serpent*, en António Pina Coelho, *Os fundamentos...*, I, p. 76 n. En fragmento de alia verko, ankaŭ nefinita kaj neeldonita, *O Desconhecido* ["La Nekonato"], ni trovas parton, kiu rivelas la *tutan* sencon de la pesoa neado, kaj la tuto evidente ne ekskludas la *okulton*: *"Tio kontrolebla de la okultistoj estas falsa. Ekzistas senmorteco, aŭ eĉ eterneco de la animo, sed ĉi tio estas falsa. Ekzistas eterna Dio, kreinto de la ĉielo kaj la tero, sed ĉi tio estas*

* * *

La internaj vojaĝoj de Fernando Pessoa tra *La anarkiisma bankiero* ne ĉesis en majo de 1922, post ĝia publikiĝo en *Contemporanea*: komence de 1935, post dek kvar jaroj, li plu parolis pri la paradoksa rolulo. La 13an de januaro tiujare, Pessoa skribis longan leteron al Adolfo Casais Monteiro (la faman leteron pri la genezo de la heteronimoj) kaj sciigis tiun pri projekto de baldaŭaj publikaĵoj, en kiu li inkludis, krom la libroforma eldono de sia ortonima poezio (probable, kvankam eble kun kelkaj variantoj, tiu hodiaŭ konata sub la titolo *Cancioneiro* ["Kanzonaro"]), *"tute reverkitan version de* La anarkiisma bankiero". Kaj li aldonis: *"baldaŭ ĝi eble pretos, kaj mi intencas, apenaŭ ĝi pretos, tuj publikigi ĝin. Se mi tion faros,*

---

*falsa"*; kaj fine li plian fojon venas al la malnova konkludo: *"Estaĵo estas ne-estaĵo"* (Fernando Pessoa. *Textos filosóficos*, I, p. 45). Pri okultismo kaj la alkemia vojo en la pesoa verkaro, nemalhaveblas la studoj de Yvette K. Centeno, "Fragmentação e totalidade em 'Chuva Oblíqua' " [Fragmentiĝo kaj tuteco en 'Oblikva Pluvo'] kaj " 'Episódios/A Múmia': poema chave para o estudo do hermetismo em Fernando Pessoa" [Epizodoj/La mumio': ŝlosila poemo por la studado de hermetismo ĉe Fernando Pessoa], ambaŭ studoj inkluditaj en Stephen Reckert/Y. K. Centeno, *Fernando Pessoa: Tempo - Solidão – Hermetismo* ["Tempo – Soleco – Hermetismo"], Lisbono, Moraes, 1978, p. 103–160. Ĉi tiu esploristino laboras nun super la kompleksa teksto de *The way of the serpent*.

*mi tuj angligos la verkon kaj vidos, ĉu mi povos ĝin publikigi en Anglio. En ĝia probabla fina stato, ĝi havos eŭropajn ŝancojn".*[68] Post kelke da tagoj, la 20an sammonate, li refoje skribis al Casais Monteiro, por precizigi iujn temojn el la antaŭa letero, kaj insistis pri tio, ke *"kun nova formo kaj redakto"*, *La anarkiisma bankiero* antaŭeniĝis tiel rapide, ke li esperis, ke ĝi estos presita kaj aĉetebla antaŭ la maksimuma limtempo, kiun oni difinis por oferti al la publiko la ortoniman poezion. Li ŝajne plene esperis, ke *"la nova formo kaj redakto"* ĝuos pli bonan akcepton ol la unua, kaj li plu intencis provi anglan eldonon. *"Se ĉi tiu verko interesas la anglan merkaton, la literatura agento ĝin surmerkatigos baldaŭ aŭ ne baldaŭ. Mi ne devos turni min al Richard Aldington".*[69]

Post la dua letero al Casais Monteiro oni neniam plu aŭdas ion pri la reverko de *La anarkiisma bankiero*. La aŭtoro ŝajne sin fordonas al aliaj iniciatoj (kiuj kredeble limiĝas al kelkaj verkoj kontraŭstarantaj la diktaturon de Oliveira Salazar), pri

[68] "Carta sobre a génese dos heterónimos" [Letero pri la genezo de la heteronimoj], en *Páginas de doutrina estética.*, p. 258–259. Jorge de Sena rimarkigas, ke en ĉi tiu letero — kaj probable unuafoje publike — Pessoa aludas *sin mem* kvazaŭ temus pri alia heteronimo (p. 345).

[69] "Carta em continuação da anterior" [Letero daŭriganta la antaŭan], samverke, p. 274. Richard Altington, kiu havis rilatojn kun Casais Monteiro, troviĝis tiam — kiam ankoraŭ freŝdatis la publikigo de *All men are enemies* ["Ĉiuj homoj estas malamikoj"] — en la pinta momento de sia literatura prestiĝo.

kiuj estas atestoj ĝis la fino de aprilo.[70] Tamen de tiam, se juĝi surbaze de la kronologio de la tekstoj, Pessoa preskaŭ ĉesas verki. *"Mi malsanetas, mi verkas nenion"*, konfesis li, en septembra mateno, antaŭ la pordo de la Poŝtfako en Terreiro do Paço, al sia nevo-baptofilo Eduardo Freitas da Costa.[71] Lia fizika aspekto estis veinda; de post la atako de *delirium tremens* li videble maljuniĝis, kaj ĉiuj liaj amikoj scias, ke — laŭ la

---

[70] Ĉi tiu agado, kvankam atentinda, estas tamen malbone konata, ĉar temas pri biografia periodo ankoraŭ ne sufiĉe studita. Ĉiaokaze mi substreku, ke de post 1933 oni rimarkas novan politikan sintenon ĉe Pessoa; ekzemple, li "malkonfirmas" tion, kion li verkis en 1928 por pravigi la Armean Diktaturon (en "O Interregno" [La interreĝado]), kaj restarigas la figuron de Afonso Costa, estron de la Demokratia Partio, kiu antaŭe, en la tempo de *Orpheu*, estis lia *bête noire* ['nigra besto', t.e. abomenaĵo *(La trad.)*]. Kaj, ne malpli signifoplene, jam en 1935, en sia lasta vivojaro, li komencas kunlabori en la revuo *Seara Nova* ["Nova Rikolto"], la sola tiama kultura publikaĵo aperte demokratiema, kaj publikigas en *Diario de Lisboa* ["Lisbona Ĵurnalo"] — ankaŭ konata pro siaj demokratiaj inklinoj — la faman artikolon *Sociedades secretas* ["Sekretaj societoj"], defende de framasonismo (al kiu J. A. Ferrer Benimeli freŝdate dediĉis ĉe ni mallongan analizon en sia verko *El contubernio judeo-masónico-comunista* ["La juda-framasona-komunisma koluzio"], Madrido, 1982, p. 235–240). Ĝuste tiam li verkas kelkajn kontraŭsalazarajn poemojn, kiujn — lau ĉiaj indikoj — li transdonas al Manuel Mendes, juna socialista intelektulo interligita kun *Seara Nova*, por ke tiu subtere ĝin disvastigu (Parola komuniko de Berta Mendes al la aŭtoro de ĉi tiu postparolo, julie de 1982). Emfazindas, ke la politika ŝanĝiĝo de Pessoa okazas en momento, kiam la Nova Ŝtato ankoraŭ ne eniris sian plej severan fazon (kiu komenciĝos post la hispana Intercivitana Milito, ok monatojn post la morto de la poeto) kaj precize koincidas kun la periodo de reellaboro de *La anarkiisma bankiero*.

[71] Parola komuniko de Eduardo Freitas da Costa al la aŭtoro de ĉi tiu postparolo, septembre de 1979.

kuracisto — *"post plia glaso venos la fino"*. Oktobro pasas, kaj ankoraŭ ne alvenis al la presejo la originalo de la reverkita *La bankiero*... nek tiu de *Kanzonaro*. La 19an de novembro li verkas poemon — la lastan —, kiu komenciĝas: *"Estas malbonoj pli grandaj, ol malsani"*, kaj finiĝas: *"Donu al mi pli da vino, ĉar la vivo estas nenio"*.[72] Post kelke da tagoj, João Gaspar Simões kaj Almada Negreiros renkontiĝas kun Pessoa en kafejo Martinho da Arcada, kaj al Gaspar Simões ŝajnas, ke li troviĝas antaŭ homo, kiu, senespera, plu parolas pri projektoj (kiujn tiu ne kredas) kaj penas (jam tro malfrue) *"ne elĵetiĝi trans la bordon"*.[73]

Post nelonge, matene de la 30a, Fernando Pessoa mortas pro hepata cirozo, en la aĝo de kvardek sep jaroj, tiel solece, kiel li vivis. Li lasas en la kesto de nepublikigitaj verkoj multajn milojn da manskribitaj aŭ tajpitaj folioj, sed sur neniu el ili troviĝas spuro pri la parolo de tiu nova bankiero/anarkiisto anoncita al Casais Monteiro kaj kun kiu ni certe jam ne konatiĝos.

J. A. LL.

[72] Fernando Pessoa, *Obra Poética*, p. 120.
[73] João Gaspar Simões, *Retratos de poetas que conheci* ["Portretoj pri poetoj, kun kiuj mi konatiĝis"], Oporto, Braziljo, 1974, p. 77–82.

## TRADUKOLOGIA EPILOGO

Pri miaj nunaj tradukprincipoj mi jam disertaciis sufiĉe longe kaj detale en antaŭa verko[74] — cetere, facile kaj senpage alirebla duloke[75] — do mi ne ripetos ĉi tie la samajn argumentojn.

Mi analizos nur la verŝajne solan tiklan punkton de la nuna traduko, nome, jenan frazon de la originalo:

*Eles — os dos sindicatos e das bombas (eu também lá estive e saí de lá exactamente pelo meu verdadeiro anarquismo) — eles são o lixo do anarquismo, os fêmeas da grande doutrina libertária.*

Ĝin mi esperantigis jene:

"Ili — tiuj de la sindikatoj kaj de la bomboj (ankaŭ mi estis tie, kaj mi eliĝis de tie ĝuste pro mia vera anarkiismo) — ili estas la fatraso de anarkiismo, la virfemaloj de la granda liberecana doktrino." (p. 25)

---

[74] vd. Caeiro 2019: 95–118.

[75] https://archive.org/details/La_gardisto_de_gregoj
Ankaŭ en la Bitoteko de HEF: https://hdl.handle.net/11013/5681

Nu, la vera tikla punkto estas tamen ne la tuta frazo, sed nur la esprimo *os fêmeas*, kiun mi tradukis per “la virfemaloj”. Kial mi ĝin tradukis tiel? Kion ĝi signifas kaj kial ĝi estas tikla? Portugallingvanoj facile rimarkos, ke la tiklaĵo kuŝas ne en la substantivo *fêmeas* — kies traduko ne povas esti alia ol “femaloj” — sed en la vira artikolo *os*, kiun Pessoa uzis anstataŭ la laŭnorma ina artikolo *as*: *as fêmeas* (“la femaloj”). Kial Pessoa uzis la viran artikolon por determini inan substantivon? Ĉu intence? Plej verŝajne temas ne pri tajperaro, ĉar la esprimo *os fêmeas* aperas en ĉiuj portugallingvaj eldonoj, kiujn mi konsultis. Krome, oni ne forgesu, ke la verko aperis dum la vivperiodo de la aŭtoro, kiu certe reviziis la presprovaĵojn. Se temas do pri intenca kontraŭgramatikaĵo, kion ĝi celas? Ne facilas tion ekscii, se oni ne tralegis alian verkon de Pessoa, en kiu li klarigas sian kontraŭgramatikan metodon. Mi transskribu ĉi tie ĉi-teman parton el antaŭa tradukologia epilogo miapluma:[76]

Kial Pessoa tiel malfacile tradukeblas? Ĉu pro abunda vorttrezoro? Tute ne. Lia leksika stoko estas **limigita**, nekompareble pli magra ol tiu de aliaj famaj portugalaj verkistoj,

[76] vd. Caeiro 2019: 95–98.

kiel ekzemple Alexandre Herculano (1810–1877), ĉampiono pri arkaismoj, Camilo Castelo Branco (1825–1890) kaj Aquilino Ribeiro (1885–1963), la plej vortriĉa portugallingva verkisto, kaj ankaŭ rekordulo pri provincismoj, kiuj grandparte mankas eĉ en la plej dikaj vortaroj. Kial do Pessoa tiel malfacile tradukeblas, kaj proze kaj poezie? Ĉefe pro la profundaj konceptoj kaj rezonoj, kiujn lia verkaro entenas kaj proponas, pro lia konstanta intelektigo de la literatura mesaĝo, sed ankaŭ pro la maniero — neordinara, neatendebla, surpriza, cerbumiga, perpleksiga — en kiu li ofte aplikas komunuzajn vortojn, kaj eĉ pro la — feliĉe ne tre oftaj — atencoj kontraŭ la gramatikaj reguloj, kiujn li "kulpas" intence, por krei specialan efekton. Ekzemple, por priparoli knabeskan knabinon, Pessoa (2014: 94) iam skribis *"Aquela rapaz"*, do aplikante inan determinanton (*Aquela*) al vira substantivo (*rapaz*), kvazaŭ ni dirus en Esperanto: "Tiinu[77] knabo"! Kaj Pessoa plene konsciis, ke li tiel rompis *"la plej elementan gramatikan regulon, kiu postulas la ekziston de kaj genra kaj nombra akordo inter la vorto substantiva kaj la adjektiva"*. Tamen li opiniis, ke tiel — per tia atenco — li *"bone diris"*, li *"parolis absolute, fote, ekster la enuo, la normo, kaj la ĉiutageco"*. Do li *"ne parolis"*, li *"diris"*. Kaj samverke (p. 300) li precizigas: *"Mi sentis simpation, en la gramatikoj, nur al la esceptoj kaj pleonasmoj... Eltiri sin el la reguloj kaj diri neutilaĵojn bone resumas la esence modernan*

[77] Ĉi tiun surprizan formon uzis ekzemple Piĉ (1997:52): *"Jen tiinu... Alta, plensvelta korpo..."*. Kion pri tio dirus nia Fundamentista Brigado?...

*intencon...”* Kaj plue: *“Honesta frazo ĉiam devas povi havi plurajn sencojn...”*.

Nu, se *Aquela rapaz*, laŭ la intenco de Pessoa, signifas “knabeska knabino”, *os fêmeas*, samrezone, povus signifi “femaleskaj viroj”. Tial mi tradukis ĝin per “virfemaloj”: vorto ja stranga, sed ankaŭ la originalo sonas strange kaj perpleksige.

Kiel elturniĝis aliaj tradukistoj? Nu, mi konsultis 14 tradukojn en 6 lingvoj — angla (4), hispana (4), germana (2), itala (2), franca, kataluna — kaj konstatis sen surprizo, ke preskaŭ ili ĉiuj — same kiel mi — sidis en amaso da embaraso... Jen iliaj solvoj:

<u>En la hispana</u>:

Nu, la hispana, same kiel la portugala, disponas malsamajn artikolajn formojn por la ina kaj vira genroj, do tre facile oni povas tiulingve imiti kaj reprodukti la kontraŭgramatikaĵon de Pessoa, kaj tion ja faris — tute prave! — José Antonio Llardent[78] kaj Rodolfo Alonso:[79] *los hembras*. Tamen tion bedaŭrinde faris

[78] vd. Pessoa 1983: 9.
[79] vd. Pessoa 2012a: 8.

nek Miguel Ángel Flores (*los perjuros*, “la perfiduloj”)[80] nek Manuel Moya (*las furcias*, “la ĉiesulinoj”)...[81]

<u>En la itala</u>:

Ankaŭ la itala disponas malsamajn artikolajn formojn por la ina kaj vira genroj, do ankaŭ tiulingve oni **povus** tre facile imiti kaj reprodukti la kontraŭgramatikaĵon de Pessoa (*i femmine*), sed tion bedaŭrinde faris nek Claudio M. Valentinetti (*le meretrici*, “la meretricoj”)[82] nek Laura Naldini (*le prostitute*, “la prostituitinoj”)...[83]

<u>En la kataluna</u>:

Ankaŭ la kataluna disponas malsamajn artikolajn formojn por la ina kaj vira genroj, do ankaŭ tiulingve oni **povus** tre facile imiti kaj reprodukti la kontraŭgramatikaĵon de Pessoa (*els femelles*), sed tion bedaŭrinde ne faris Xavier Borràs, kiu tradukis per *les femelles* (“la femaloj”),[84] do uzante la

---

[80] vd. Pessoa 2012b.
[81] vd. Pessoa 2009.
[82] vd. Pessoa 1988b: 11.
[83] vd. Pessoa 2007b.
[84] vd. Pessoa 2017b: 6.

laŭgramatikan inan artikolon *les* kaj tiel ne redonante la nuancon, kiun la aŭtoro verŝajne celis...

En la franca:

La franca kapablas artikole distingi la genrojn singulare (*le* kaj *la* por la genroj vira kaj ina, respektive) sed ne plurale (*les* por la du genroj). Tial, la aŭtora nuanco ne estas redonebla en la franca. Nu, Françoise Laye en sia traduko tamen intuiciis, ke *les femelles* ("la femaloj") ne sufiĉas, kaj do ŝi helpis sin per *les femelles châtrées* ("la kastritaj femaloj")...[85]

En la germana:

La germana, same kiel la franca, kapablas artikole distingi la genrojn singulare (*der* kaj *die* por la genroj vira kaj ina, respektive, se ne paroli pri *das*, por la genro neŭtra) sed ne plurale (*die* por la tri genroj). Tial, la aŭtora nuanco ne estas redonebla en la germana. Reinhold Werner tradukis ĝin per *die Drohnen* ("la vir-abeloj"),[86] kaj oni apenaŭ povas imagi, kiun ideon li volis esprimi per tiu germanigo: aŭ ĉu li tamen celis la

[85] vd. Pessoa 2000: 14.
[86] vd. Pessoa 1988a: 11.

arkaikan signifon de *Drohnen* ("parazitoj")? Dirk Friedrich, male, decidis ignori la nuancon kaj tradukis la esprimon tute simple per *die Weibchen* ("la femaloj").[87]

En la angla:

La menciita nuanco ne redoneblas en la ŝekspira lingvo, kiu disponas nur unu artikolon (*the*). Kiel do elturniĝis la tradukistoj? Nu, Pessoa (2007a: 69) mem tradukis fragmenton el sia "rezona rakonto", kiel jam menciite, kaj en tiu fragmento troviĝas la diskutata (kaj diskutinda) esprimo. Kiel li ĝin tradukis? Simple per *the females* ("la femaloj"), sen plia nuancado. Tiu tradukero montras unue, ke la nocio "femaloj" estas esenca — oni do respektu ĝin traduke — kaj due, ke la nuanco, kiun celas la kontraŭgramatika uzo de la vira artikolo, estas nur duaranga; oni do ĝin esprimu nur, se la cellingvo tion ebligas en analoga maniero.

Tion ne sciis aŭ ne komprenis Margaret Jull Costa (*the whores*, "la putinoj"),[88] Edwin Homig (*the prostitutes*, "la

[87] vd. Pessoa 2017a: 23.
[88] vd. Pessoa 1997b: 89.

prostituitinoj”)[89] kaj Richard Zenith (*the milksops*, “la moluloj”)...[90]

Konklude, laŭ la ekzemplo de Pessoa — kiun Friedrich instinkte aŭ konscie sekvis — ankaŭ “la femaloj” estus akceptebla tradukero en Esperanto, kies artikolo imitas la anglan modelon. Tamen mi preferis, per “la virfemaloj”, provi iom aŭ iel redoni la delikatan nuancon, kiun verŝajne celis la aŭtoro. Krome, min iom mirigas — aŭ eĉ ŝokas — la prostitua nuanco, kiun multaj el la antaŭaj tradukistoj (unu el ili, eĉ virino), vidis aŭ imagis en la esprimo...

[89] vd. Pessoa 1988c: 80.
[90] vd. Pessoa 2001: 169 (esperantigo de *milksops* laŭ Wells 2010: 324).

# GLOSARO

**heteronimo** (p. 83, 85, 88, 93, 97) **1.** Persono kreita de verkisto aŭ artisto kaj havanta proprajn kvalitojn kaj tendencojn, al kiu la kreinto atribuas la aŭtorecon de unu aŭ pluraj el siaj verkoj. **2.** La nomo de tiu persono. Fontoj: Salnevo 1993: 13; Neves: 2000: 32; 2017; Pessoa 2015: 6, 7; Camacho 2009: 143; 2016: 66, 72; Kristovo 2011. [F *hétéronyme*, A *heteronym*, G *Heteronym*, R гетероним, Po *heteronim*]

**lotmana** (p. 94) Rilata al la vivo kaj verkaro de Juri Lotman (1922–1993), rusdevena estona semiologo kaj kulturhistoriisto.

**malarmea** (p. 86) Rilata al la vivo kaj verkaro de la franca poeto kaj literatura kritikisto Stéphane (vernome Étienne) Mallarmé (1842–1898). Pri la graveco de lia verkaro vd. Waringhien 1956.

**ortonimo** (p. 11, 83, 85, 93, 97, 98) **1.** Persono uzanta la realan nomon de verkisto aŭ artisto, kontraste kun lia(j) heteronimo(j) **2.** Tiu nomo. **[**F *orthonyme*, A *orthonym*, G *Orthonym*, R ортоним]

**pesoa** (p. 7, 11, 13–15, 76, 78, 80–84, 86, 87, 92, 93) Rilata al la vivo kaj verkaro de Fernando Pessoa. Ĉi tiu adjektiva formo supozigas la ekziston de la esperantigita nomo *Peso/o*, kiun Santos (2018) senĝene uzas en la enkonduko de sia traduko de *Mesaĝo*. Tamen mi preferas — pro motivoj, kiujn mi ne povas prezenti en malvasta piednoto — uzi nur la derivitajn formojn (*pesoa*, *pesoaĵo*, *pesoisto* ks) kaj, kiam temas pri la nomo mem de la poeto, teni min je la neasimilita nacilingva formo. La adjektivo *pesoa* respondas al la portugala formo *pessoano*, ofte uzata de portugallingvaj fakuloj.

**semiologo** (p. 94) Semiologiisto.

NOTO: La internaciaj radikoj *heteronim-* kaj *ortonim-* (kiuj mankas en NPIV) apartenas al la sama "etimologia familio" de la internaciaj radikoj *akronim-*, *anonim-*, *antonim-*, *hiperonim-*, *hiponim-*, *homonim-*, *kriptonim-*, *paronim-*, *pseŭdonim-*, *sinonim-* kaj *toponimi-*

(ĉiuj en NPIV). En ĉiu el ili sidas la grekdevena etimologia pseŭdosufikso -*onim* ("nomo").[91] Laŭ mi, *pseŭdonimo* (duelementa vorto: *pseŭdonim/o*) ne estas tute samsignifa kiel *pseŭdonomo* (trielementa vorto: *pseŭdo/nom/o*). La unua indikas nomon de verkisto aŭ artisto, diferencan de la nomo registrita en lia naskiĝdokumento kaj (ordinare) en lia identigilo, kaj uzatan por subskribi liajn verkojn. Ĝi ne nepre estas kaŝnomo (kiel indikas NPIV). Ekzemple, *Giorgio Silfer* estas pseŭdonimo de Valerio Ari, sed ĝi ne estas kaŝnomo, ĉar ĉiuj scias, ke temas pri li. Tamen aliulaj pseŭdonimoj (ekzemple, tiuj uzataj en la Belartaj Konkursoj de UEA!) estas ja ankaŭ kaŝnomoj. Pseŭdonomo, male, estas nenio alia ol falsa aŭ neaŭtentika nomo (laŭ la signifo de la prefikso *pseŭdo*-), sen pliaj precizigoj. Ekzemple, la nomo, kiu aperas en la falsa pasporto de iu gangstero, estas pseŭdonomo (kaj ankaŭ kaŝnomo!), sed certe ne pseŭdonimo. Ekzistas du specoj de pseŭdonimoj: la verkistaj nomoj (aŭ plumnomoj) kaj la artistaj nomoj. Plejofte temas ne pri tio, ke la koncerna verkisto aŭ artisto celas kaŝi sian identecon, sed prefere pri tio, ke sian naskiĝdokumentan nomon li trovas tro "ordinara", aŭ ne sufiĉe plaĉa, elvokiva aŭ "merkatike taŭga"...

[91] Vilborg (2001: 170–179) listigas kaj analizas 42 pseŭdoprefiksojn kaj 51 pseŭdosufiksojn en Esperanto sed preterlasas tiun -*onim*.

## NOMINDEKSO

# Bibliografio


Aldrich, Robert; Wotherspoon, Garry (2001): *Who's Who in Gay and Lesbian History*. Vol.1: From Antiquity to World War II. Edited by Robert Aldrich and Garry Wotherspoon. London and New York: Routledge. xix + 507 p.

Barreto, José (2012): "Fernando Pessoa e Raul Leal contra a campanha moralizadora dos estudantes em 1923". *Pessoa Plural – A Journal of Fernando Pessoa Studies*, No. 2, 342 p. [p. 240–270]. www.brown.edu/Departments/Portuguese_Brazilian_Studies/ejph/pessoaplural/Issue2/PDF/I2A08.pdf

Bragues, George (2014): "Is Achieving Freedom About Making a Lot of Money? An Interpretation of Fernando Pessoa's *The Anarchist Banker*". *Pessoa Plural – A Journal of Fernando Pessoa Studies*, No. 5, 213 p. [p. 1–26].

Bréchon, Robert (2005): "Un demi-siècle de traductions françaises de Pessoa". *Babilónia*, nº 02/03, p. 9–13.

Caeiro, Alberto (2019): *La gardisto de gregoj*. Sensisma poemciklo tradukita de Gonçalo Neves el la portugala. Dua eldono, korektita, profunde reviziita, detale prinotita, kun ampleksaj antaŭparolo kaj tradukologia epilogo de la tradukinto, kaj riĉe ilustrita per desegnaĵoj kaj pentraĵoj de virtuozaj artistoj vivintaj kaj vivantaj. Espinho: Eldonejo Drako. 131 p. (bitlibro)

Camacho, Jorge (2009): *Koploj kaj filandroj*. Poemoj. Novjorko: Mondial. 150 p.

— (2016): "La vartisto de vortoj". En: *Belarta rikolto 2016*. Novjorko: Mondial. 139 p. [p. 63–76].

Kristovo, Ĥod (2011): "Fernando Pessoa". *Oscedi*, 2011-02-09. https://oscedi.blogspot.com/2011/02/en-1972-la-eldonejo-stafeto-poemoj.html

Marques, Fernando Carmino (2016): “Pierre Hourcade e a descoberta de Fernando Pessoa: novas cartas e outros escritos”. *Pessoa Plural – A Journal of Fernando Pessoa Studies*, No. 9, 570 p. [p. 399–484]. www.brown.edu/Departments/Portuguese_Brazilian_Studies/ejph/pessoaplural/Issue9/PDF/I9A19.pdf

Neves, Gonçalo (2000): “Biografietoj”. *Fonto*, n-ro 232, p. 30–34.

— (2017): “Ne restu fakulo en sia angulo”. *Parenteze*, 2017-03-16. https://parenteze.blogspot.com/2017/03/ne-restu-fakulo-en-sia-angulo.html

Pessoa, Fernando (1982): *Cartas de Fernando Pessoa a João Gaspar Simões*. Prefácio, posfácio e notas do destinatário. 2ª edição. Lisboa: INCM/Centro de Estudos Pessoanos. 154 p.

— (1983): *El banquero anarquista*. Versión y nota de José Antonio Llardent. Valencia: Pre-Textos. 79 p.

— (1988a): *Ein anarchistischer Bankier. Ein ganz ausgefallenes Abendessen*. Übersetzt und mit einem Nachwort versehen von Reinhold Werner. Berlin: Verlag Klaus Wagenbach. 96 p.

— (1988b) *Il banchiere anarchico e altri racconti*. Traduzioni di Leopoldo Carra e Claudio M. Valentinetti. Parma: Guanda. 109 p.

— (1988c): “The Anarchist Banker: A Fiction”. En: *Always Astonished: Selected Prose by Fernando Pessoa*. Edited, translated and introduced by Edwin Honig. San Francisco: City Lights Books. 135 p. [p. 79–110]

— (1997a): *O banqueiro anarquista*. Porto / Lisboa: Livraria Civilização / Contexto Editora. 69 p.

— (1997b): “The anarchist banker”. Translated by Margaret Jull Costa. En: Eugénio Lisboa (ed.): *The anarchist banker and other Portuguese stories*, Volume 1. Carcanet in association with Calouste Gulbenkian Foundation, Instituto da Biblioteca Nacional e do Livro, Instituto Camões. 201 p. [p. 88–114]

— (2000): *Le banquier anarchiste*. Traduit du portugais par Françoise Laye. Préface de Françoise Laye. Christian Bourgois éditeur. 106 p.

— (2001): “The anarchist banker”. En. *The Selected Prose of Fernando Pessoa*. Edited and translated by Richard Zenith. New York: Grove Press. xxi + 344 p. [p. 167–196]
— (2007a): *O banqueiro anarquista*. Edição: Manuela Parreira da Silva. 2ª edição. Lisboa: Assírio & Alvim. 105 p.
— (2007b): “Il banchiere anarchico”. Traduzione di Laura Naldini. En: *Racconti dell’inquietudine*. A cura di Piero Ceccucci. Milano: Biblioteca Universale Rizzoli. 280 p.
— (2009): *El banquero anarquista*. Traducción de Manuel Moya. http://laisladelased.blogspot.com/2009/04/literatura-y-manta-1-crisis-what-crisis.html
— (2012a): *El banquero anarquista*. Traducción: Rodolfo Alonso. Epílogo comentado: Manuela Parreira da Silva. Laura A. 55p.
— (2012b): *El banquero anarquista*. Tradución de Miguel Ángel Flores. Verdehalago. 35 p.
— (2014): *Livro do desassossego*. Composto por Bernardo Soares, ajudante de guarda-livros na cidade de Lisboa. Versão integral. Edição: Richard Zenith. Lisboa: Assírio & Alvim. 479 p.
— (2015): *La gardisto de gregoj*. El la portugala tradukis Gonçalo Neves. Chapecó: Fonto. 78 p.
— (2016): *Contos escolhidos*. Edição de Ana Maria Freitas e Fernando Cabral Martins. Porto: Assírio & Alvim. 229 + 3 p.
— (2017): *Der anarchistische Bankier*. Aus dem Portugiesischen von Dirk Friedrich. Bonn: Minifanal. 92p.
— (2017b): *El banquer anarquista*. Versió catalana de Xavier Borràs. La Resistència. 31 p.
Piĉ, Karolo (1997): *Ordeno de verkistoj*. Romano. Kun postparolo de Reinhard Haupenthal. Saarbrücken: Edition Iltis. 382 p.
Quadros, António (1990): “Introdução geral à vida e à obra poética de Fernando Pessoa”. En: *Mensagem e outros poemas afins*. Introduções, organização e bibliografia actualizada de António Quadros. Mem Martins: Publicações Europa-América. 296 p. [p. 17–115].
Salnevo (1993): “Misoj, mesoj kaj mesioj”. *Nia Bulteno*, n-ro 62, p. 12–15.
Santos, João José (2018): “Pri la traduko de *Mesaĝo* en esperanton”. En: Fernando Pessoa: *Mesaĝo*. Modernisma poemo. Kun

helptekstoj historiaj, mitologiaj kaj literaturaj. El la portugala lingvo en esperanton tradukis João José Santos. Lisbono: La Karavelo. 126 p. [p. 15–32]
Vilborg, Ebbe (2001): *Etimologia Vortaro de Esperanto*. Volumo 5: S–Z. Malmö: Eldona Societo Esperanto. 196 p.
Waringhien, Gaston (1956): "Stefano Mallarmé". *Nica Literatura Revuo*, n-ro 3, p. 110–119; 4: 151–157.
Wells, John C. (2010): *English Esperanto Dictionary*. New York: Mondial. xliii + 459 p.

Fernando Pessoa (1888-1935) estas eble la plej universala poeto portugallingva. Li nasliĝis en Lisbono — kie li, tre juna, komencis verki poemojn portugale —, sed li edukiĝis plejparte en Sudafriko, kie li ofte verkis angle, kaj, reveninte junaĝe en sian naskiĝurbon, li plu verkis precipe portugale kaj, malpli ofte, ankaŭ angle kaj france. Pessoa imagis plurajn aŭtorojn interne de si mem, kiujn li nomis heteronimoj. Temas pri malsamaj aŭtorecoj de la sama homo, kiu kvazaŭ fariĝas pluraj personoj, ĉiu kun sia propra maniero rigardi la mondon, sia filozofio, sia metafiziko, sia poetiko, sia aparta stilo esprimi la pensojn kaj verki, kaj eĉ sia propra subskribo. La nuna “rezona rakonto”, “dialektika satiro” aŭ, pli bone, dialoga eseo, unuafoje publikigita en 1922, nur longe post la morto de la aŭtoro ekĝuis atenton, rekonon, admiron kaj internacian diskonigon, kiun nun evidentigas granda nombro da tradukoj en la plej diversaj lingvoj, kaj ankaŭ kelkaj teatraĵoj kaj eĉ filmoj bazitaj sur ĝi.

**Ilustrita kaj komentita. Antaŭparolo de Manuela Parreira da Silva. Detala analiza kaj historia postparolo de José Antonio Llardent. Tradukologia epilogo de la tradukinto.**

